XXVII-a Jaro. — N° 370 (6). Monata Junio 1931.


# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.




## Sub la turoj de Krakovo




Duan fojon kunvenos universala Kongreso de Esperanto en Krakovo. En Aŭgusto 1912 D-ro Zamenhof parolis tie sian kanton de la cigno. Li adiaŭis honorojn kaj oficialecon por retrovi sian liberecon de homarano kaj etika filozofo.

Samtempe la Kongreso festis la 25-jaran jubileon de la lingvo, iniciatita en 1887. Venontan someron en Krakovo nia lingvo jam aĝos 44 jara, baldaŭ duoncentjara. Tio ne estas tro longa daŭro por igi Esperanton plene vivanta kaj riĉa per sperto. Ankaŭ ne tre longa por montri al la mondo la sukceson de tiu vasta lingva kaj socia eksperimento, konstruita per laborado kaj aliĝado de miloj kaj miloj da homoj en ĉiuj kontinentoj. Kaj ankoraŭ ne sufiĉe longa por trudi sin per nura forto de la nombro kaj uza kutimo en internaciaj rilatoj.

La nova kongreso en Krakovo donos okazon forĝi novajn armilojn pacajn por tiu plifortigo de la nombroj kaj plivastigo de l'uzado. Kiel saĝe diris jam Hodler en 1912, la mondo estas tia, ke nia lingvo ne venkos pro ideo teoria, sed pro fakto fariĝinta potenco praktika.

Tiam oni ekkomprenos la ideon. Nun ĝi restas nur abstraktaĵo por multaj homoj, de kiuj la esperanto-realaĵo restas ankoraŭ forkaŝata. Ni esperas ke la problemo pri la gazetaro denove staros sur la tagordo. Ni devas unuigi nian konstruon de faktoj kun informado al la publiko.

Ankaŭ la loko mem allogos esperantistojn al Krakovo. Ĝi estas ja unu el la plej ĉarmaj kaj historie pentrindaj. Tie gardas la muregoj mezepokaj. Tie staras la dikrondaj turoj je regula distanco.

Tie dormas, sub arkaĵoj de Vavel, la mortintaj reĝoj de nacio krucumita kaj renaskiĝinta. Kiel ŝtonaj figuraĵoj, ili silentas kun preĝantaj manoj. Ili kuŝas en ĉerkejo sub kapelo Sigismonda.

Kune dormas poeto Mickieviĉ, profeto de pli bonaj tempoj : « Kiel ĉesis post Kristo la sangaj homoferoj sur altaroj, tiel ankaŭ sur tero ĉesos milito post reviviĝo de Polujo ». Ni laboru ke fariĝu vera tiu anoncaĵo, jam unucentjara.

En Krakovo, post la ĵuro ĉe Sankta Mario, la popolo aklamis Kosĉiuŝkon. Tie en universitato Kopernik instruadis. Tie nun laboras tiu brava scienculo, kiu estis studento kun nia majstro kaj kuraĝigas nin ĉiujn per sia senlaca korjuneco, profesoro Odo Bujwid.

La urbo kuŝas en tiu regiono de Eŭropo, kie memoro de longaj suferoj estas ankoraŭ freŝa, kie naciaj sentoj, naciaj lingvoj, naciaj kutimoj apudvivas en najbareco proksima.

Ĉe l'alia limo de Polujo naskiĝis Esperanto kiel natura reago kontraŭ malkomprenoj kaj malfidoj el troa diverseco kaj kiel helpa rimedo por ilin forigi.

En urboj kaj vilaĝoj de la ĉirkaŭa landaro la nombro de esperantistoj estas ofte granda. Kiu vojaĝos tien vidos verdajn stelojn en multaj stacioj. Li sentos tion, kion signifas Esperanto praktike por tiuj popoloj, kies lingvoj ne estas lernataj ekstere.

La memoraĵo de l' pasinto sur la ŝtonoj, la koloraj polaj kostumoj sur la vendoplacoj, la vigleco de l'esperantista vivo survoje, ĉio kune donos al la kongresanoj novan rigardon pri la mondo kaj novan inspiron labori por ĝin progresigi tien, kien sopiris la grandaj profetoj el Polujo, Mickievicz, Krasinski, Zamenhof.

Edmond PRIVAT.

# Théophile Cart

Antoine Théophile Cart naskiĝis 31 Marto 1855 en Saint Antoine, Dordogne. Sekvis mezgrandan instruon en Lausanne, beletristikajn studojn en Basel, Berlino, Romo kaj Parizo. Li estis disĉiplo de filologoj Cornu, Tobler, Bréal kaj Gaston Paris. Akiris 1881 diplomon de grek-latina licenciato, 1885 agregaciulo pri modernaj lingvoj. Lektoro de franca lingvo en Svedujo 1891-92. Profesoro ĉe Liceo Henriko IV-a en Parizo de 1892 kaj en Lernejo de Politikaj Sciencoj de 1893.

* * *

Mortis la prezidanto de nia Akademio. Neatendite kaj malĝojige trafis nin la sciigo. Ankoraŭ vigla li estis kaj amikan posttagmezon ni pasigis kun li ĉe pedagogia kongreso en Genève.

Kun Bourlet, Boirac, Sébert malaperas Prof. Cart kiel unu el la lastaj pioniroj de la « franca epoko » de nia movado. Kiam ni aliĝis al Esperanto kun Hodler en 1903, estante gimnazianoj, li estis la unua famulo, kiun ni renkontis kaj fariĝis por ni patra konsilanto kaj protektanto.

Li mem estis nova apostolo. Liaj prelegoj havis grandan sukceson. Ĉe Politeknika Lernejo, ĉe franca Turing-Klubo, ĉie li varbis entuziasmajn lernantojn. Filo de svisaj gepatroj, edukita en Svislando, li brile studis en Parizo kaj instruis la germanan lingvon en Pariza Liceo Henri IV.

Sian talenton de lingva instruado li alportis al Esperanto. Liaj unuaj kursoj, baldaŭ multegaj, fariĝis famaj kiel tiuj de Andreo Ĉe. Lia lernolibro « Esperanto en 10 lecionoj », atingis cent mil ekzemplerojn. Ĝi estis modelo por samaj en aliaj lingvoj.

Organizinte propagandon kaj instruadon, kreinte ekzamenojn kaj diplomojn, li poste jetis sin en internajn aferojn de la movado. Prof. Cart estis unuaranga polemikisto. Li ŝatis batalon per plumo kaj baldaŭ lia gazeto *Lingvo Internacia* fariĝis organo sprita kaj mordema de l'opozicio kontraŭ la tiamaj gvidantoj de la movado la fondintoj de la Centra Oficejo en Parizo, la firmo Hachette k.t.p. Ĝi fondis esperantistan politikon, gvidis la batalon kontraŭ projektoj de centra organizo, atakis vice Bourlet, Sébert kaj subtenis de Beaufront.

Kiam tiu ĉi lasta ekvastigis Idon, la sabra plumo de Prof. Cart komencis kontraŭ lia reformismo senlacan militadon. Li persekutis ne nur malamikojn, sed ĉiujn esperantistojn ne sufiĉe firmajn en sia kompreno pri la necesa netuŝebleco de minimuma fundamento.



Laŭ foto de Henri Manuel, Paris.

**Théophile Cart.**

Tiu konservemo helpis nian movadon en malfacila komenca tempo, kiam ĉiu ajn opiniis, ke li rajtas proponi ŝanĝojn. Tial Prof. Cart subtenis UEA, kiu savis la movadon el tiuj teoriaĵoj kaj turnis ĝian atenton al aplikado kaj uzado de la lingvo.

Post la milito Prof. Cart fariĝis estro de la Lingva Komitato kaj Akademio. Liaj grandaj kvalitoj de opozicia ĉefo kaj elokventa kulpiganto de eraroj ne trovis tie taŭgan uzon. La sciencan senpartiecon li ne ŝatis. Sub lia gvidado, la Akademio sin tenis en negativa polemika rolo kaj ne daŭrigis la pozitivan organizadon de teknika laboro kaj esploro, iniciatita de Rektoro Boirac. El tio venis kelkjara konflikto kun UEA, feliĉe pacigita en 1928.

Ni esperas, ke la Lingva Komitato reprenos sian taskon sub direktado de profesia lingvisto kiel ekzemple Profesoro Collinson. Niaj teknikaj vortaroj bezonas urĝan prizorgon.

Dum Profesoro Cart sciis akre militi, li sciis ankaŭ ami tutkore. Plej bela signo en lia vivo estis lia admirinda kuraĝigo kaj organizo de la blindula movado. Estis kortuŝe vidi lin uzi sian energion kaj obstinon por iniciati presigon de reliefa libraro. Neniu kongresano forgesos la bildon de lia bela blanka kapo meze de liaj blindaj geamikoj.

Tiu varma pasiulo estis unu el la plej meritaj pionirroj de nia afero kaj la tuta esperantistaro danke memoros lian nomon, lian fervoron kaj lian fidelecon. Al lia familio ni esprimas nian profundan simpation.

Edmond PRIVAT.

—

**La funebra ceremonio.**

Prof. Cart mortis 21-an de Majo. La ceremonion en tombejo Père Lachaise, 23-an de Majo, ĉeestis aro da esperantistoj eksciintaj pri la subita forpaso de la eminenta pioniro. Post reprezentantoj de la Lernejo pri politikaj sciencoj, Direktoro S-ro Dupuis, de Liceo Henri IV-a, S-ro Feibbel, kaj la urbestro de la Latina Kvartalo, D-ro Moulin, parolis reprezentantoj de la Esperanto-Movado : S-ro Rollet de l'Isle, por la Internacia Centra Komitato, S-ro Archdeacon por la Franca Societo. Florkronojn deponis interalie Franca Societo p.P. de Esperanto, Universala Esperanto-Asocio, Pariza Grupo.

# Vortoj de Profesoro Cart

*Prof. Cart havis altan literaturan guston kaj ĉiuj liaj artikoloj aŭ prelegoj entenis bildojn bele pentritajn en nia lingvo. Ni citas kelkajn elĉerpitajn el la libro « Vortoj de Prof. Cart » (Eldonejo Esperantista Voĉo, Jaslo, Polujo) :*

## Esperanto kaj la Blindularo

Grandan servon ni farus al Esperanto, se ni sukcesus pruvi al la ĉiam dubanta mondo, ke *jam nun* ni povas alporti ian mildigon al homaj suferoj.

La « Savada Armeo » akiris grandan influon en kelkaj landoj malpli per sia religia idealo, ol per tio, ke ĝi *praktike* helpis al multaj mizeruloj kaj certigis al ili tujan vivon kaj viveblecon.

Kion faris la « Savada Armeo » por ĉiuj ajn malfeliĉuloj, tion mi dezirus, ke ni Esperantistoj faru por la tiel kortuŝanta kaj interesanta klaso de la blinduloj.

Mia konvinko estas, ke, se en la mondo oni scius, ke unu el niaj taskoj, — apud aliaj multnombraj kaj sendube pli gravaj, — estas kompatema zorgo al la blinduloj, ni akirus el plej diversaj flankoj simpation kaj por Esperanto mem novan intereson.

Pli efika propagandilo estas bona ago, daŭra bonfaro, ol multaj paroloj kaj promesoj!

***

En ĉiuj landoj ekzistas ĉirkaŭe unu blindulo po milo ĝis mil-kvincento da vidantoj. Sekve en urbo da sesdek mil loĝantoj kvardek ĝis sesdek blinduloj.

Multaj el ili estas nek instruitaj, nek instrueblaj, sed la aliaj estas tiel inteligentaj, kiel iu ajn el ni, vidantoj.

Se do ĉiuj niaj grupoj, kiuj povas, volus interesiĝi pri unu aŭ kelkaj kleraj blinduloj, — eĉ ne kleraj, eĉ ne Esperantistoj! — kaj fariĝi protektantoj de ili, baldaŭ oni konstatus ĉie nian praktikan bonfaran agadon sur tiu ĉi speciala kampo, kaj multajn barojn, kiujn ne sukcesis renversi la rezonado de nia intelekto, renversus la ekmovo de nia koro.

Jen modesta certe, sed tuja efektivigo de l'interna ideo, ĉu ne?

***

Bedaŭrinde estus, se oni povus diri pri ni Esperantistoj, ke, — kiel ĉe la plimulto de l' homoj, — ni interesiĝas pri niaj suferantaj samuloj tiom pli, kiom pli malproksime ili loĝas, ĉar tro doloriga la « palpebla » doloro, kaj ke ni volonte parolas kaj kantas pri « interna ideo », sed kondiĉe ke ĝia efektiviĝo estu tiel ne tuj atingebla, ke ĝin ni bezonus aŭ povus servi nur per elokventaj kaj tro ofte vanaj paroladoj.

Per agado, publika agado, ni montru al la mondo, ke jam hodiaŭ en nia movado por kelkaj enestas beno modesta, sed *vera!*

Amikoj, helpante al la Blindularo, vi helpos al nia tuta movado!

## Vivanta Lingvo

Esperanto, diris elokvente Edmond Privat, estas «vivanta lingvo de vivanta popolo ».

Trafa kaj tute vera estas tiu ĉi formulo.

Nia lingvo vivas. Sed tial ke ĝi vivas, ĝin oni ne rajtas konsideri kiel ian maŝinon, kies diversaj pecoj kaj partoj estas laŭvole ŝanĝeblaj aŭ forigeblaj.

Kun respekto, kun pia respekto, ni devas ĝin trakti ne nur ĉar, internacie komuna lingvo, ĝi estas propra apartenaĵo de neniu nacio, de neniu eĉ plej lerta, plej scienca personaro aŭ persono, sed ankaŭ pro tiu speciala delikateco, kiun ĝi ŝuldas al sia viveco mem.

Ĉu niaj naciaj vivantaj lingvoj evoluas, pliriĉiĝas per tio, ke teoriemuloj kaj vortaristoj enkondukas en ilin amase, pli malpli taktplene, la de ili deziratajn plibonigojn, ŝanĝojn aŭ novaĵojn? Ĉu, ĉar tion neniu kuraĝas fari, niaj naciaj lingvoj ŝtoniĝas? Ĉu ili ne plu vivas, ne plu evoluas?

Certe ne! Sed alimaniere okazas la evoluado, la pliriĉigado. Ili rezultas precipe de la agado de verkistoj, kiuj profunde, pie amas sian lingvon kaj kvazaŭ kun timo, nur post longa kaj severa pripensado, uzas fine novan vorton, sole ĉar alimaniere ili tute ne povus esprimi ian ideon.

« La belaj spiritoj, skribas la fama franca aŭtoro Montaigne (XVI-a jarcento)), ne alportas en la lingvon (novajn) vortojn, sed ili pliriĉigas la siajn, donante al ilia signifo kaj uzado pli da pezo kaj da profundo... kaj tion ĉi singardeme kaj sagace. »

Ni same agu kun nia esperanta lingvo. Ĉiuj ĉesu ĝin konsideri kiel artefaritaĵon riparotan kaj plenigotan. Ĉiuj agu respekte kontraŭ ĝi, kiel kontraŭ sia gepatra lingvo!

***

Neniu el ni, eĉ la plej konservema, malpermesis al aŭtoro, precipe al konata aŭtoro, krei novan vorton, se ĝin li nepre bezonas. La liberecon de la verkistoj ni ĉiam energie defendis Sed de ĉiuj ni rajtas postuli, ke novaĵon oni neniam enkonduku por la gloro aŭ la plezuro ĝin enkonduki, ĉar verdire, gloro tio ne estas, kaj por neniu tio devus esti plezuro.

---

## Antaŭparolo al iu Lernolibro

Krei universalan lingvon *a priori*, postulus unue — se tia kreado estas io alia ol simpla ludo, — detalan, zorgan, precizegan klasifikon de la homaj scioj, kies esprimilo estus nia lingvo. Sed tiu ĉi klasifiko des pli malproksimiĝas, ju pli vastiĝas la kampo de la scienco, ju pli multiĝas sur tiu ĉi kampo novaj vojoj, kiuj siavice disdividiĝas en disvojojn, ĉu inter si paralelajn, ĉu interplektitajn.

Unu el la meritoj de D-ro Zamenhof estas, ke li tute alimaniere komprenis la problemon kaj ke ĝian solvon li serĉis *a posteriori*. Li ne kreis lingvon: li eltiris la elementojn de sia lingvo el la jam ekzistantaj lingvoj, kies sintezo ĝi estas. Se ni komparas la lingvojn kun fortoj, lia lingvo estas la « rezultanto » de tiuj ĉi fortoj.

Sed, kial li tiamaniere konsideris la demandon? Tial ke, anstataŭ serĉi ian lingvon por la plezuro ĝin kombini pli malpli sukcese, li serĉis antaŭ ĉio, super ĉio, aŭ pli ĝuste li serĉis *nur* traduki senpere la ideojn, kiuj plenigis lian animon, tiel ke lin komprenu la plej eble granda nombro da homoj, liaj « fratoj ». El la koro venas la altaj pensaĵoj. Tiujn ĉi grandanimajn pensaĵojn, tiun ĉi profundan amon al la homaro, tiun ĉi ardan deziron alproksimigi la regadon de la paco, ĉion tion ĉi li volis, per ĉiuj siaj fortoj, konigi, komuniki al ĉiuj, kiaj ajn estus iliaj diversaj lingvaĵoj. Por li la lingvo estas *nur ilo;* sed ĝuste el tio konsistas la intima originaleco, la eksterordinara indeco de la lingvo, tiel ke, — ilo forĝita por difinita celo: praktika uzado, — ĝi tuj kaj plene taŭgas. La perfekteco de ia ajn ilo kuŝas ja en la perfekta taŭgeco por ĝia funkciado, kiun ĉiam celas la bona verkisto!

Komprenigi al multnombraj homoj, tion, kio ŝprucis el lia koro, traduki *ideojn*, ne simple vortojn, jen la tasko, kiun prenis sur sin D-ro Zamenhof en la ĝojo kaj doloro de la kreado. Ĉar tiel li komprenis sian taskon, li povis nur forĵeti ĉian sistemon *a priori*, kiu malproksimigus lin de la celo; li plie, — ne nur sperta gramatikisto kaj poligloto, sed « apostolo », — devis eltrovi ion tute alian, ol simple lertan kombinaĵon de vortoj kaj de gramatikaj formuloj, ion tute alian, t. e. lingvon, idon de ideo, posedantan propran ekziston, propran animon, *vivantan* lingvon.

Jen kvankam la lingvo estas rimarkinda laŭ aliaj ecoj, la vera fonto de ĝia tuta forto; jen kial kontraŭ ĉia alia sistemo ĝi konservis kaj konservas sian superecon.

---

# Don Kiĥoto

(Poemo en prozo)

*Al la Esperantistoj!*

Ho Don Kiĥoto, filo de nobla Hispanujo, respekte vin salutas mia kanto!

⁂

La homoj elturniĝemaj vin mokas, kaj sur iliaj lipoj via nomo estas insulto.

Ĉar vi iras firme antaŭen kaj senfine defendas la justecon, ilia diplomatio vin severe kritikas.

Ĉar vi ne vin demandas, ĉu al viaj klopodoj respondos la sukceso, ili vin juĝas freneza.

⁂

La ambiciuloj vin ridindigas kaj kun malestimo ili citas vian nomon.

Ĉar vi ne konas la arton flati potenculojn, nek vivi apud la estroj, ili ŝercas pri via soleco.

Ĉar anstataŭ sendi la aliajn en la batalon, vi iras mem kaj ricevas pli da batoj ol da laŭroj, malŝate ili rigardas vin de sia alta, saĝa neŭtraleco.

⁂

La spirituloj ridas pri vi kaj via nomo estas al ili sinonimo de naiveco.

Ĉar vi protektas la rajton de l' malfortulo kaj malamas la arogantecon, ili vin diras simplulo.

Ĉar vi enskribis sur vian ŝildon la vortojn: *Fideleco, Vereco, Lojaleco*, ilia vivsperto ridetas kun indulgo.

⁂

Ser kion valoras la moko de l' homoj elturniĝemaj, la rido de l' ambiciuloj, la rideto de l' spirituloj?

Revante vian belan revon, ho Don Kiĥoto, vi iris fidele kaj obstine la vojon elektitan, kaj glorinda estas via nomo!

Vi ankaŭ, ho ĉiutempaj Don Kiĥotoj, restu fidelaj, iru senŝanceliĝe vian vojon, revu vian belan revon: *Nenio granda fariĝis sur la tero, se ne dank' al viaj senlacaj, sentimaj bataloj!*

⁂

Ho Don Kiĥoto, filo de nobla Hispanujo, respekte vin salutas mia kanto.

---

# La Festo de l'Kverko

(Armorika rakonto)

*Al Esperantistinoj fidelaj.*

En arbaro de antikva Armoriko (¹) granda kverko staras.

Ĉirkaŭ la arbo blanke vestitaj virgulinoj dancas kaj kantas la laŭdon de l' kverko.

Sur ĝiej malalta branĉego kreskas dubeverda visko.

La kanton aŭdas la visko, ĝi kliniĝas kaj, murmuretante, alparolas la junulinojn per afablaj vortoj:

« Pravaj vi estas, ho filinoj de Armoriko, kiam vi laŭdas la kverkon!

Ido de l' kverko, neniu pli alte ol mi ŝatas ĝian potencon, ĝian belecon.

Dolĉa estas, virgulinoj, via kanto al mia ida koro: kverkido, mi ankaŭ estas kverko, kaj rajte fieriĝas pri tiu nomo! »

Sed la estrino de l' blanke vestita ĥoro, tenante en mano la oran falĉileton, respondas per serioza, severa voĉo:

« Ido de l' kverko vi ne estas, ho visko, ne!

El ĝi vian vivon ĉerpas, nur dank' al ĝi vi povas kreski; tamen vi vivas nur por ĝin pereigi.

Ido de l' verko vi ne estas, ho visko, ne... »

La virgulinoj ĉirkaŭas la blondharan estrinon; iliaj blankaj brakoj ŝin suprenlevas.

Per la ora falĉileto ŝi fortranĉas la dubeverdan viskon.

Ĝi falas ĉe la piedoj de la virgulinoj, kiuj ĝin dispremas, dancante kaj kantante la laŭdon de l' eterne potenca kverko.

⁂

Tiel festis la blondaj, bluokulaj filinoj de Armoriko la jaran kulton de l' kverko kaj la morton de l' visko perfida!

---

# Lasta skribaĵo

de Prof. Cart al UEA

Ĉiam sincera amiko de UEA, malgraŭ foja diverseco de opinio Prof. Cart ĉiam subtenis la praktikajn laborojn de nia Asocio kaj regule pagis sian kotizon. Jen lia lasta esprimo de sento al UEA: (Januaro 1931)

Kara direktoro de U.E.A. 5ⁿ/9 kol
mi sendas al vi 50 fr. — 16 kiel membro
de U.E.A. kaj 34 kiel donacon al U.E.A.
Sekve ne sendu speciale al mi la gazeton;
ĉar mi jam ricevas kiel prezidanto de L.K.
nek ian ajn premion por plifrua pago.
Mi tre esperas, ke multaj tre multaj aŭskul-
tos vian alvokon kaj plidaŭrigos sian espe-
rantistan devon. Via tre fidela Th. Cart

(¹) « Armoriko » estas la malnova nomo de franca Britujo.

# El Naturo kaj Sciencoj

## Kuracistoj kaj sorĉistoj et Afriko

S. A. Andrew, Capetown (Sudafriko).

Kiu legas pri negraj herbsaniguloj, tiu plej ofte komparas ilin kun negraj sorĉmedicinistoj. Reale ili estas ambaŭ malsimilaj homoj. La vera sorĉmedicinisto estas speco de pastro, kies ĉefa dumviva devo estas malkaŝi sorĉistojn kaj konstati la rimedojn adoptitajn de ili dum la ekzercado de ilia sorĉarto. Inter la nigruloj loĝantaj en diversaj partoj de Sudafriko troviĝas homoj, kiuj fakte konfesas esti sorĉistoj, sed en la granda plimulto da ekzemploj la persono aŭ personoj « elflaritaj » de la sorĉmedicinistoj estas tute senkulpaj.

La sorĉisto deklaras, ke li povas, per supernaturaj rimedoj, atingi ĉian ajn celon deziratan de lia kliento. Se vi ekzemple dezirus ke via malamiko pereu dolorege, la sorĉisto donos al vi radikon aŭ ian malsimilan artikolon por sekrete enterigi apud la hejmo de via kontraŭstarulo, kaj via deziro plenumiĝos. La sorĉisto eĉ povas venigi unu el siaj familiaj spiritoj — la timega « icanti » (fabla serpento) aŭ la « impundulo » (fulmobirdo) — por alporti suferadon kaj malfeliĉon al tiuj, kiuj estas pekintaj kontraŭ vi. Li vendos al sia kliento amsorĉaĵojn kej elsendos « tikoloshe » (la nikson) al la banloketo vizitadata de via amatino. Se vi povas akiri iom da haroj aŭ da ungaj fortranĉitaĵoj de via malamiko la sorĉisto faros el ili amuletojn kiuj alportos nekalkuleblan malutilon, kiam uzataj kontraŭ li.

Superstiĉuloj kredas, ke sorĉistoj ĉirkaŭvagadas nokte, surrajdas pavianojn, kaj elsendas strigojn kiel senditojn de malbono. Malsimile al la sorĉmedicinisto, ne estas devige, ke sorĉisto submetu sin al ia eduko aŭ ceremonia enigo, kaj kiu povas akiri la necesajn sorĉilojn (nomata « muti » aŭ « ubuti »), tiu povas sin establigi kiel sorĉisto. La sorĉmedicinisto, kontraŭe, devas esti persono de plej alta komprenemo, kaj esti ankaŭ bona psikologiisto posedanta intiman konon pri la personoj, inter kiuj li intencas labori.

Kiu deziras fariĝi sorĉmedicinisto, tiu devas unue malsanigi sin kaj dum tiu-ĉi kondiĉo li devas vidi vizie la spiritojn de siaj mortintaj prapatroj. Tiuj-ĉi spiritoj (la « imishlologu ») antaŭdiras al li la estontecon. Je la malsanigado oni venigas rekonatajn sorĉmedicinistojn kaj aniga ceremonio (« intlombe ») okazas. Dum tiu-ĉi ceremonio okazas por la suferanto plorado, dancado kaj preĝado. La sorĉmedicinistoj pleniĝas per la spirito de sorto divenado, kaj sub tia influo ili divenas la kaŭzon de la malsano de la paciento kaj ordonas oferon al la spiritoj de la mortintoj. La partoprenantoj donas donacojn unu al la alia. Post plenumado de kelke da tiaj ceremonioj la paciento resaniĝas, kaj la neofito estas baptata de elektita sorĉmedicinisto. Tiu-ĉi muelas iom da malsimilaj herboj inter du ŝtonoj kaj metas la miksaĵon en terpoton enhavantan malvarman akvon. La kunmetitaĵo estas ĉirkaŭmovigata per disduiĝita bastono kirlata inter la manplatoj ĝis blanka ŝaŭmo sin montras sur la supraĵo. La kandidato estas lavata per la akvo kaj la ŝaŭmo estas elverŝata sur lian kapon. La ceremonioj daŭrigas dum ĉirkaŭ du, tri jaroj, la kandidato aganta kiel la helpanto de la sorĉmedicinisto, kiu instruas lin pri sia profesio, ĝis fine li atingos la altan postenon de sorĉmedicinisto, kaj tiam rajtiĝos porti altan ĉapelon el paviana pelto, la ĉefa signo de lia rango.

Kiam plenvestata, li kutime estas ornamata per peltoj de multspecaj bestoj pendantaj de liaj ŝultroj kaj lumboj; per sekigitaj kaj plenblovitaj internaĵoj de bestoj plenaj de ŝtonetoj kaj ŝnuretoj da radikoj; per kornoj enhavantaj pulvorojn kaj ŝmiraĵojn pendantajn de lia kolo, kaj per ringoj da metaloj kaj sekigita karno ĉirkaŭ liaj brakoj. Li kutime ankaŭ portas mansagegon. La nigruloj kredas ke la sorĉmedicinistoj havas leonojn, tigrojn kaj elefantojn kiel parton de sia sekvantaro, kaj ke ili interparolas familie kun la spiritoj de siaj prapatroj, kaj, multe da ili estantaj ventroparolistoj, ili faras kvazaŭ siaj voĉoj aŭ fajfsonoj elvenas el la tegmentoj de iliaj budetoj aŭ de la rokoj, tiamaniere naskigante la kredon ke ili interparolas kun siaj familiaj spiritoj.

En Zululando oni kredas ke la spiritoj eniras en la korpojn de speco de verda serpento kun nigraj makuletoj. Ili ne estas venenaj kaj alligas sin al la budetaro de la posteuloj de la spiritoj por gardi ilin, kaj oni traktas la serpentojn kiel dombestojn. Kiam ajn iu malsaniĝas, liaj parencoj oferas bovon aŭ bovinon, kaj unu el ili, leviĝante, preĝas al la spiritoj de siaj mortintaj parencoj ke ili ricevu la oferaĵon, partoprenu la feston, kaj resanigu la pacienton, kaj poste la besto estas manĝata de la budetaranoj. Manĝinte ĝis la superhufoj de la besto, ili ekpreĝas kiel antaŭe, disapartigante la grandan intestotubon ĉirkaŭ la kuŝejon de la paciento, kio baldaŭ poste estas zorge purigata.

Sorĉmedicinisto estas foje aligata al la « Granda Loko » de la tribestro. Se la tribo irus en militon, li devas fari la militistojn nevundeblaj. Se konata militisto batale mortiĝus, kaj se lia korpo estus forportata de la venkintoj, la sorĉmedicinisto faras kuracilojn el specialaj partoj de la kadavro, per kiuj li sanigas siajn proprajn militistojn kaj donas al ili kuraĝegon.

Tia sorĉmedicinista uzado de partoj de la homa korpo estis eĉ en ĵuspasintaj jaroj responda pri multe da terurigaj murdoj en Svazilando. Antaŭ ne multe da jaroj okazis en la Norda Transvalo juĝa ekzamenado pri murdo en kiu viro estis sovaĝe mortigita, lia kapo kaj dekstra mano estantaj detranĉitaj de du viroj (unu estanta lia kuzo) nur pro tio ke diskoniĝis ke iu sorĉmedicinisto postulas homan kapon, — plue, la kulpigitoj simpatime klarigis ke la mortigito « estas ĉagreninta ilin ».

Troviĝas ankaŭ fulmomedicinistoj kaj pluvmedicinistoj. Antaŭnelonge tribestro en Rodezio permesis la forprenadon de sia propra filo kiel homa oferaĵo por pacigi la pluvdiinon.

Kiam kliento konsultas sorĉmediciniston li neniam sciigas lin pri la motivo de sia vizito, ĉar la rekonata kutimo nepre postulas ke li ĝin eltrovu por si mem, kaj, pro tio ke li ofte sukcesas, li algajnas absolutan konfidon de tiuj kiuj konsultas lin. Iufoje li estas sendube avertita per liaj satelitoj, sed plejfoje li atingas sian celon per ceremonio nomata « ukuvumisa » jene priskribita:

Li aperas antaŭ siaj konsultantoj sidiĝantaj en cirklo, deĵorata de siaj lernantoj, kaj tuj li faras ian ŝajne malcelan diron, ekzemple « Jen sorĉisto », al kio liaj konsultantoj respondas « Siyavuma » (Ni konsentas), samtempe kunfrapante la manojn. La medicinisto zorge rigardegas ilian vizaĝmienon kaj konstatas la gradon de ilia memkonfido per la maniero de ilia aplaŭdo. Se li certiĝas ke li iras laŭ erara vojo, li diras aron da diversaj asertoj, ĉiuj rilate al la tagaj travivaĵoj de la ĉeestantoj, ĝis, per la pligrandiĝa eksciteco de liaj konsultantoj li konstatas la radikideon pri la afero pro kio oni bezonas lian konsilon.

Li devas nun eltrovi kion aktuale okazis al la persono aŭ io pri kio oni lin konsultas, kaj li komencas novan serion da asertoj pri tio kio ĝenas tiun-ĉi personon aŭ ion. Li daŭrigas ĝis li certiĝas pri tio kio li deziras, kaj tiam lia reala malfacileco estas renkontata. Li devas konstati tion kion liaj konsultantoj kredas esti la fonto de la malbono, ĉar ĉiuj el la negraj gentoj kredas ke ĉia malfeliĉeco estas kaŭzata per la kaŝago de malamiko kaj per supernaturaj rimedoj.

La sorĉmedicinisto estas kompreneble vestata en ĉiuj siaj ornamaĵoj kaj vidigas terurigan spektaklon. Li rulas la okulojn por ke li povu ĉirkaŭvidi la tutan scenon, kaj dum li faras siajn diversajn asertojn li fariĝas pli kaj pli ekscitita. Li saltegas de la tero, eletendas la brakojn, kaj faras la multajn braceletojn ĉirkaŭantajn frapsoni kiel kastenetoj. Li balancas la korpon de flanko al flanko, kaj elfaras la plej groteskajn tordiĝojn, rulante la okulojn furioze. Kiam li fine atingas la konkludon kio estis jam la tutan tempon en la pensoj de liaj konsultantoj, ilia propra eksciteco estas grandega, kaj iliaj manfrapado kaj elkriegado estas surdigantaj. Dume la medicinisto ĉirkaŭsaltegas kvazaŭ en mortiga batalo kun ia fantoma antagonisto, svingegante sian mansagegon kaj ellasante frenezajn kriegojn. Tiamaniere li povas fiksi siajn trompitulojn al sia volo.

Li eble decidos ke li devas viziti kraal'on — (aron da konusformaj unuĉambraj dometoj konstruitaj el koto kaj defoliigitaj arbbranĉoj) — en kiu okaze troviĝas malsano kaj malfeliĉeco. Tie li ĉirkaŭsaltetos, frenezege enpenetrante ĉion en la ĉirkaŭaĵo per sia mansagego ĝis li fine elterigas kun kriego de triumfo fasketon la radikoj kaj herboj, eksciigante siajn konsultantojn ke li estas malkaŝanta la fonton de la tuta malbono. Kompreneble la fasketo estis tie antaŭe metita de unu el lia sekvantaro. Per la procedo de « ukuvumisa » li tiam pretekstas malkaŝi la personon kiu supozeble estas metinta ĝin tie.

La sekvoj al la kompatindaj viktimoj de la procedo de « elflarado » (umhlahlo) estas ja gravaj, ĉar en kvartaloj kie la sorĉmedicinisto floradas ili suferas tujan mortigon per turmentego, multfoje sen oportuna okazo por sin defendi, kaj ilia posedaĵo estas konfiskata. Ofte iliaj edzinoj kaj infanoj estas mortigataj kun ili. La influo de la sorĉmedicinisto estas tia ke liaj konkludoj estas akceptataj sen kontraŭdiro, kaj, se la sekva kruelaĵo estus eltrovata de la registaro neniu kuraĝus malkaŝi la kulpan mediciniston.

Antaŭ kelkaj jaroj mi konatiĝis kun la farintoj de teruriga murdo en Pondolando. Ponda nigrulo estis « elflarita » de sorĉmedicinisto kaj liaj du fratoj estis la ekzekutistoj. Dum la unua iris malantaŭ la budeton en kio dormis la viktimo kun siaj edzino kaj infanetoj kaj ekbruligis ĝin, la dua staris ĉe la pordo kun mansagego kaj mortpikis tiujn kiuj provis forflugi. La fratoj estis juĝataj kaj kulpigataj, sed ambaŭ rifuzis malkaŝi la nomon de la vera instiginto, kvankam la pli maljuna, antaŭ sia pendigo, faris senefikan konfeson, kulpigante sin mem, en la espero ke sia frato estu senkulpigata, kaj sekve povu zorgi pri lia posedaĵo post lia morto.

Foje, kiam sorĉmedicinisto kune kun sia edzino kaj filo estis juĝata pro bestarŝtelo, la juĝejo estis plenega je atentega amaso da negra homaro. Kiam la juĝisto sidiĝis sur la juĝbenko li amuze rimarkis ke duonkaŝita sub angulo de la mato ĉe liaj piedoj troviĝas malgranda fasko da radikoj kaj branĉetoj. Li agis kvazaŭ li ne sciiĝis ion pri ĝi, kaj tuj komencis juĝi la proceson. La atesto kontraŭ la medicinisto estis tre duba, kaj li estis sekve senkulpigata, sed la juĝisto sendis la edzinon en malliberejon kaj la filon en reformigejon. Oni ŝatus ĉeesti poste por sciiĝi kian klarigon la medicinisto prezentis al sia sekvantaro pro nur la parta sukceso de sia sorĉo!

En la Unio Sudafrika estas jam delonge krima ofendo praktiki kiel sorĉmedicinisto, vira aŭ virina divenisto, pluvmedicinisto aŭ kiel fulmomedicinisto, kaj ankaŭ tiu kiu konsultas tiajn personojn fariĝas kulpa de ofendo kontraŭ la registaro. Malgraŭ la leĝoj kontraŭ la praktikado de la sorĉarto kaj ĝiaj aligitaj artoj, ili tamen daŭrigas esti pli-malpli praktikataj inter la multaj « Bantu » (negraj) gentoj en la pli sovaĝaj partoj de Sudafriko kaj Rodezio, sed nuntempe oni tre malofte sciiĝas pri « elflarantaj » ceremonioj kaj ĉi-ties fatalaj konsekvencoj.

# Kiel efikas libroj

Kiel efikas libroj ĉe legantoj? Kiel elektas homoj en bibliotekoj? Kion ili retenas de ĉio legita? Kion ili preferas? Kiel ili komprenas? Ĉio dependas de ilia socia medio, instrua kulturo, nacia kaj individua temperamento, personaj emoj, sanstato, feliĉo aŭ malfeliĉo kaj multaj aliaj kondiĉoj konsiderindaj.

Ankaŭ ĝi dependas de la maniero laŭ kiu la aŭtoroj esprimas tion, kion ili volas klarigi aŭ transdoni al legantoj. Same kiel multaj prelegistoj tenas la nazon sur la papero kaj ne klopodas kapti tion, kion sentas la aŭdantaro, tute simile multaj aŭtoroj lacigas la leganton, ĉar ili neniel pensas pri li, sed ĉiam nur pri si mem aŭ sia ideo.

Nenio pli helpus ilin ol atenta studado de la reagoj ĉe legantoj. Tiun utilan sciencon fondis la konata rusa verkisto Nikolao Rubakin, amiko de Tolstoj kaj jam fama longe antaŭ la mondmilito.

Oni ĵus festis lian 45-jaran jubileon de literatura agado kaj venontan jaron oni festos lian 70-jaran datrevenon. Depost 1908 li loĝas en Svislando kaj nun gvidas en Lausanne la instituton de bibliopsikologio kun lia fidela kaj sperta laborantino Marusja Bethmann, (38 Mousquines, Lausanne).

Liaj propraj verkoj de scienca popolklerigo disvastiĝis en Ruslando je pli ol dudek milionoj da ekzempleroj. Kvankam li ne estas doktrina marksisto, la sovjeta registaro faras al li malgrandan pension kiel kompenson pri la aŭtorrajto de tiuj amasoj da instruiloj, troveblaj en ĉiuj bibliotekoj kaj en multegaj manoj.

Speciale gravaj estas liaj gvidiloj bibliografaj. Teknika frato li estas al Paul Otlet, la belga scienculo, ankaŭ amiko de nia afero kaj fondinto de la Tutmonda Muzeo en Bruxelles.

Rubakin naskiĝis en Oranienbaum apud Petrogrado 1 Julio 1862. Lia patrino jam estis edziniĝinta kiam ankoraŭ deksesjara knabino. Lia patro estis urbestro kaj direktoro de banejo. Lin helpis la filo kiel kasisto eĉ kiam li ankoraŭ estis knabeto dekjara.

Sed kion plej ŝatis la infano, tio estis organizi muzeojn, kolektojn de bildoj kaj dokumentojn, vortarojn de geografio k.t.p. Ĉiuvespere post sia laboro la oficistoj kunvenadis kaj pasigis la tempon per rakontado de popolaj fabeloj. La knabo ĉeestis kaj lernis ami la popolon kaj interesiĝi je ĝia sorto kaj klerigado.

Estante dekkvarjara li proponis al la patrino fondi publikan bibliotekon. Tion ŝi konsentis kaj deposte Rubakin vivadis inter libroj, farante mem la servon de disdonado, klasigado kaj ordigado. Li lernis mem elekti laŭ la sperto kaj eltrovis rimedojn por helpi la intereson kaj allogon de la homoj al plej instruaj kaj edukaj verkoj.

Tiam li ekvidis la rilaton inter iliaj elektoj de libroj kaj iliaj personaj aŭ klasaj ecoj kaj emoj. Unuj profitis el legita verko, aliaj trovis ĝin teda. Li kutimis noti la kaŭzojn kaj la rilatojn inter samaj observoj, ripetitaj plurfoje. De tie naskiĝis lia scienco biblio-psikologia, nun ĉie konsiderata kiel tre valora helpilo, ne nur al ĉiuj libristoj kaj bibliotekistoj, sed al aŭtoroj mem kaj al instruistoj.

Okaze de la jubileo ni bondeziras al tiu bonfaranto de l'homaro multajn jarojn da plua utila agado kaj ĝojon en konstato de rezultatoj. Krom lia vasta scienco kaj plenega biblioteko li havas varman homan koron kompreneman je la etika idealo, kiun posedis Zamenhof, kaj trovantan sian nutron pli alte ol en honoroj aŭ riĉaĵoj. Nobla vivo.

P.

# Kakteoj kaj agavoj

De G. Agricola

Kakteoj... strangformaj kreskaĵoj zorge kulturataj en la nordaj landoj kiel luksplantaĵoj kaj vegetantaj kiel malsanuloj en hospitalo. En la hejmlando, precipe en Meksiko, ili estas gigantaj kreskaĵoj, kiuj scias sin defendi kontraŭ brulego de la dezertoj kaj la sekiga forto de la sabloventegoj. Sennombraj estas la specoj kaj variaĵoj; fakuloj nombras ilin inter 400-500 kaj regule aperas novaj. Nanoj, ne pli grandaj ol malgranda fingro, kuglokakteoj aspektantaj kiel melonoj enfositaj, gigantoj arbosimilaj, orgenkakteoj kies trunkoj staras unu apud alia, kandelformaj specoj memorigantaj al la sankta kandelo de la hebreoj kaj serpentokakteoj kies branĉoj vindiĝas kaj turniĝas kiel serpentoj incititaj.

La kakteoj en la nordo de Meksiko similas al armeo, defendantaj la landon per siaj dorn-korpoj. Oni trovas ilin ankoraŭ pli variaj kaj pli strangaj en la fenditaj rivervaloj ĉe la deklivo kontraŭ la Pacifika Oceano. Grandioza kaktea regiono troviĝas inter El Organon kaj Oaxaca. La fervojo trairas intermonton el ruĝa roko, apud brueganta rivero. Ĉe ĉiuj deklivoj, truoj, antaŭmontaĵoj, troviĝas kakteoj; ili rampas el ĉiuj rokaĵoj, sur ĉiuj pintoj kaj kvazaŭ kuratakas la deklivojn. Silente ili staras, ne moviĝantaj, kvazaŭ sorĉitaj en tiu ĉi fantazia pejzaĝo. Eĉ florantaj ili ne aperas pli agrablaj kaj pli amikaj kaj iliaj delikataj floroj ŝajnas ne aparteni al ili. Tiuj floroj pli similas al papilioj perdintaj la vojon. Timiga estas la vivforto de tiuj krekaĵoj. Ili kreskas en plej esponitaj lokoj, incitantaj la ventegon kaj eĉ falante la trunko tuŝanta la teron denove produktas radikon, kiu revivigas novan kakteon.

Kvankam ili aspektas malamike kaj sin defendas per la dornoj kontraŭ aliaj estaĵoj, la kakteoj kaj agavoj ne estas malutilaj al la homo. Al la indiĝeno ili simile kiel la daktilo en la Saharo aŭ la kokospalmo en la Suda Maro liveras ĉion kion li bezonas por vivi. La Sisal agavo kreskanta en Jukatano, donas al la meksikano la fibron, el kio li produktas tapiŝojn kaj matojn. Tre trafe oni nomas tiun agavon « *La verda oro de Jukatano* ». La blazono de Meksiko montras specon de agavo, la Nopalon. El ĝi oni faras tre bongustan legomon. Agava frukto, la Tuna ankaŭ kreskanta en Maroko (Figue de Barbarie) estas pli granda en Meksiko. Ĉe tuŝo ĝi estas ĉiam malvarma, eĉ se oni prenas ĝin en la dezerto bruleganta. Stranga kakteo la Pejoto, estas forta stimulilo forprenanta la senton de malsato kaj soifo. Ankaŭ ĝi servas kiel afrodisiaka rimedo, kio komprenigas ke la indianoj tre respektas tiun kakteon. Alia speco de kakteo la *Biznago*, entenas veran akvorezervon, protektitan per dornoj tiel ke neniu besto povos atingi tiun akvon, tiom ofte savinta la vivon al karavanoj. La folioj de alia speco de agavo venena, la *Cebadilo* servas al indiĝenaj medicinuloj prepari efikan kontraŭvenenon, uzatan okaze de serpent-mordo kaj pikoj de skorpionoj.

Superas ĉiujn tiujn plantaĵojn unu speco de agavo: *La Maguey*. Ĝi kreskas en la meksika altaĵo, entendiĝanta sur kolosaj teritorioj. La Maguey estas la universala vivbezonaĵo. Oni produktas el ĝi melason, brandon, paperon, vinagron. La fibro servas por plekti tapiŝojn kaj la malmolaj folioj estas utiligataj por kovri la kabanon de l'indiano. La antikvaj aztekaj dokumentoj estas skribitaj sur papero el la Magueyfibro. Eĉ parazito vivanta en tiu ĉi plantaĵo, speco de vermo estas kolektata kaj rostata por manĝi. Laŭdire ĝi gustumas bonege.

La serio ne estus kompleta, se oni mankus aldoni alian utiligon de tiu ĉi kreskaĵo. Ĝi estas liveranto de la meksika biero, la *Pulko*. Kiam la agavo estas 10-12 jara, oni forprenas la florkernon. En tiu ĉi kavaĵo kolektiĝas la suko servinta por la plantaĵo. Ĉiutage oni povas kolekti 1 un sukon, ĝis la plantaĵo mortas. Iom fermentita, la pulko gustumas acide kaj freŝigas. Ĝi entenas malmultan alkoholon kaj necesas jam trinki du litrojn por senti la efikon. Por la indiano de la altaĵo ĝi servas kiel facile atingebla ebriigaĵo. Jam en frua tempo, longe antaŭ la alveno de la hispanoj, la pulko estis konita kaj multaj legendoj estas rakontataj pri la deveno, simile kiel en Eŭropo pri la vino.

Jam baldaŭ post la konkiro, hispanaj vicreĝoj kaj episkopoj batalis kontraŭ la trouzo de l' pulko kaj la dangera efiko. Sed la meksika indiĝeno tiom ŝatas la pulkon, kiom bavaro la bieron, kaj severa regularo starigita de vicreĝo en la 17a jarcento elvokis ribelon, dum kiu la palaco de l' vicreĝo estis detruita. Ankaŭ la moderna kontraŭpulka movado ne havas multan sukceson. Oni provos plibonigi la metodojn de la fermentado por forigi parton de la danĝero. Sed la pulko restas tamen rimedo kiu forgesigas ál la indiano sian pezan sorton kaj samtempe malebligas lin plibonigi ĝin.

# Socia Vivo

## Itala voĉo pri nacia egoismo

Valoras insisti pri la rimarkinda deklaro de S-ro Grandi, la itala ministro por eksterlandaj aferoj, dum la diskuto de l' budĝeto. Subteninte la alvokon de S-ro Henderson al serioza preparo kaj sukcesigo de l' Konferenco pri senarmigo, li anoncis la pretecon de sia lando akcepti eĉ tre fortan redukton de militelspezoj kun kondiĉo de reciprokeco. Tiam li altiĝis al ĝeneralaj konsideroj pri eŭropaj interŝtataj rilatoj kaj politika filozofio.

Unu parolado plu? Belaj vortoj de ŝtatisto? Skeptika leganto levas la ŝultrojn aŭ eĉ koleras. Ni ja ĉiuj estas lacaj pri banalaj deklamaĵoj de oficialuloj. Sed tiu ĉi ne estis banala, ankaŭ ne belfraza, sed realista kaj tre interesa konkludo post analizo de faktoj.

Ni jam ofte pritraktis la saman temon ĉi tie kaj ankaŭ citis antaŭ nelonge la konkludojn de la itala historiisto Ferrero pri milito. S-ro Grandi aludas la konduton de nacioj inter si dum paco.

Li konstatas post la mondmilito konflikton inter du grandaj fortoj: unuflanke la emo al organizo de internacia kunlaborado, aliflanke la emo de la diversaj regnoj krei siajn proprajn sistemojn por defendi siajn apartajn interesojn kaj tiel malgrandigi la fidon je kunlaboraj solvoj internaciaj.

Tial, li klarigis, « Italujo kontraŭbatalas la tendencon krei interne de Eŭropo fermitajn sistemojn, kiuj povus kaŭzi dividojn kaj eksiĝojn kapablajn detrui pacon kaj trankvilecon inter nacioj ».

Formado de milita alianco fatale provokas la formadon de kontraŭa grupigo. Ambaŭ tiam suspektas kaj minacas unu la alian. Tiaj batalunuiĝoj estas negativaj elementoj.

Konservo de paco postulas kuniĝon, ne disiĝon, de naciaj fortoj kaj voloj. S-ro Grandi ja scias, ke tiaj rimarkoj eble mirigos aliajn popolojn, kiuj konstatis energian vekon de la propra nacia sento en Italujo.

Tial li daŭrigis: « Je certa momento, Italujo, ĵus faronta sian plej grandan nacian klopodegon, nomis la sanktan egoismon sia rajto kaj libereco. Hodiaŭ tiu formulo ne plu kontentigas entute nian menson. La grandeco de nacio ja mezuriĝas laŭ amplekso de la defendindaj interesoj, sed ankaŭ per la graveco kaj la nobleco de la plenumindaj devoj. »

Tio estas ja tre saĝa kaj eĉ kuraĝa konkludo. Ĝis nun oni ĉiam parolis nur pri rajtoj de popoloj, neniam pri iliaj devoj. La rezultato de tiu limigita filozofio baldaŭ montriĝis: ju pli

da novaj sendependaj vivoj en la familio de ŝtatoj, des pli da malfacilaĵoj kaj disputoj.

Tamen certe la rajtoj ekzistas kaj la volo pri memvivo estas respektinda. Jes. Sed la realo entenas ne nur unu rajton kaj unu vivo-volon, sed multajn. Jen la tuta sekreto.

La rajton kaj deziron ekzisti aparte, kiun havas nia nacio, tiun saman ja havas ankaŭ ĉiuj aliaj. Ĝi estas unu granda kolektiva fenomeno kaj ĉiu nacia volo estas nur parto de ĝi.

„Sankta egoismo nacia ne plu kontentigas la menson de saĝaj Italoj kiel S-ro Grandi, ĉar ĝi estas eraro pri mezuro de faktoj. Kion li nomas *devo*, tio estas nur alia formo de rajto, la rajto de l' najbaro simple konstatata kaj komprenata de vi mem.

Iom simile sin esprimis alia nacia gvidanto, Gandhi, kiam li diris en Delhi antaŭ du monatoj: « La Angloj estas gento praktika. Ili ŝatas liberecon por si mem. Ami ĝin por la ceteraj estas nur unu paŝo pluen. »

Niaj pranepoj miros pri la longa tempo necesa por ke homoj kaj popoloj ekvidu tiun eksterordinare simplan fakton. Ŝajnas ofte kvazaŭ niaj okuloj estas tro malfortaj por kapti longon iom pli ampleksan ol kelkajn metrojn.

En siaj paŝetoj al inteligenta kunlaboro la nacioj iom similas infanetojn, kiuj provas ekmarŝi aŭ hirundidojn provantajn ekflugi. Malfido, timo kaptas ilin. Jen ili ekhaltas, reiras, rifuĝas al patrino.

Bedaŭrinde la patrino de la nunaj ŝtatoj ne estas bonkora gardanĝelo, sed armilaro danĝera. Kaj la reiro kaj rifuĝo tien ne solvas malfacilaĵojn, sed kreskigas ilin centoble.

Sidinte ĉe la kvin unuaj kunvenoj de la Ligo de Nacioj en Ĝenevo, mi notis impresojn kaj ne forgesas ilin. Tia unuiĝo de ŝtatoj por paco funkcios, eĉ mirinde, tuj kiam oni venos tien kun la jena celo: igi la aferon tia, ke ĉiuj nacioj, do ankaŭ la nia, ricevu de ĝi ĉian eblan trankvilecon kaj feliĉon en egaleco komuna.

Sed tiel ne okazas. Plej ofte oni venas kun la jena taktiko: subteni nur tion, kio faciligas nian apartan momentan intereson kaj malsukcesigi ĉion, kio kostas al ni kian ajn oferon de nia nuna privata pozicio, ĉu diplomata, ĉu milita.

Tial oni ne povas antaŭeniri kaj oni similas la faman ĥoron en opero de Gounod, kiam soldatoj levas la krurojn vice kaj energie, kantante sur la scenejo: « Ni marŝu brave, iru, paŝu, senĉese antaŭen! » dum ili staras nur ĉiam surloke.

Estas absolute neeble sukcesigi internacian organizon per nacia taktiko tiom limigita. Ĝin igi vere sekura kaj kapabla garantii pacon al ĉiuj, tion oni povas nur se oni oferas la momentan vidpunkton al decida volo meti la aferon sur efikan bazon.

Post pripenso konstatu, ke tio ankaŭ estas formo de egoismo, ĉar via nacio profitos de la sukcesa organizo. Sed ĝi estas egoismo supera, ĉar ne kontraŭa al interesoj de la najbaroj. Ĝi estas nura saĝo kaj la alia nura malspritaĵo de blindaj bestoj sen ia cerbo menciinda.

Ne plendu kaj protestu se ni ripetos eĉ ofte la samon. Tiun najlon oni ne fiksos por unu sola martelfrapo. La mondo bezonas edukon ĝuste tian, kian Zamenhof intencis iniciati per sia lingvo. Neniu propagando pli urĝas en nuna tempo ol malfermo de okuloj kaj kuraco el tiu nacia blindeco kaj surdeco, kiu nin igas ĉiujn kontraŭvolaj marionetoj de tragediaj teatraĵoj, pri kies komika malsaĝeco ni volonte ridus, se ili ne minacus la vivojn de niaj plej karaj amatoj kaj la paciencan laboradon de la plej pacaj virinoj kaj viroj, silente penantaj, generacion post generacio.

Edm. P.

P. S. — Kun granda danko ni ricevus de italaj samideanoj la originalan laŭvortan tekston de la Grandi-parolado, kies tradukon ni legis en *Le Temps* 16/III kaj *The Times* 15/III/31.

# Tra la libraro

**Jarmiloj pasas. — Religio. — Romano. — Aliaj literaturaĵoj. — Fakverketoj. — Lernolibroj. Presaĵoj diversaj.**

Verki en esperanta lingvo universalan historion estas ja novaĵo kaj malfacila tasko; ĝin inde eldoni estas kuraĝa, eĉ riska entrepreno. Scienca verkisto, S-ro H. Haefker plenumis la unuan; firmo « Heroldo de Esperanto » akceptis la duan, kaj ambaŭ sukcesis en rimarkinda maniero. La libro, duvoluma, belbindita, grandformata, bonpapera, kun klara teksto, larĝaj marĝenoj, kelkaj artaj eltekstaj bildoj kaj entekstaj skizoj, havas titolon: *Jarmiloj pasas*. Ĝia stilo estas ĉiam bona kaj klara. Samideanoj estos fieraj montradi tiun verkon; estas kvazaŭ devo ilia sukcesigi la iniciaton; ĉiu gruplibraro nepre entenu tiun valoran libron.

Ekzistas multaj mondhistorioj, kronologioj, lernolibroj, enciklopedioj aŭ kolektoj, ĝenerale kunlaboraĵoj. Antaŭ kelkaj jaroj, aperis de Wells « Skizo pri universala historio » multlingven tradukita, kie, laŭ moderna koncepto, ĉefe la progresado de l' civilizo, de l' tekniko, estis konsiderata. La verko de Haefker iel al tiu similas, ĉar ankaŭ verko de sola homo, staranta sur aparta vidpunkto, celanta al senpartieco, intencante pentri la gravajn epokojn kaj flanklasi detalojn, sed, vole nevole, rigardanta la historian panoramon per unuopa vido, komprenanta ĝin per propra menso, retrovanta en ĝi sian personan mondkoncepton. Kaj tio ne estas kritiko, ĉar tute scienca, objektiva historio estas neeblaĵo, aŭ estas senanima faktaro; forta individueco rajtas kolorigi la vidaĵojn laŭ preferoj de sia spirito.

Nur la unuan volumon mi legis (la dua ĵus aperis). La ĉefĉapitroj: El ĉelo al ŝtatulo; Tempo de Dioj; Tempo de Dio; Tempo de Scio, jam montras la sintenadon de l'aŭtoro. Li supervidas la homaran tutvivon, deziras seniĝi je ĉiu antaŭjuĝo, rasa, nacia, politika, religia. Li profitas la lastjarajn trovaĵojn en Egiptujo kaj Asirio. Kontraŭ komuna opinio, li aljuĝas al asiria epoko pli gravan rolon ol al egipta. Li ne aliĝas al materialista skolo, sed akceptas, kiel ĉefajn akcelantojn, la kolektivajn opiniojn, la energi-ideojn. La gravaj pensaroj, kiuj progresigis la homaron estas vice la Asiriismo, la Helenismo, la Kristanismo, fontoj de niaj sciencoj, artoj, sociformoj, kredoj. Do pli ol la sinsekvo de reĝoj, ŝtatoj, venkoj, militiroj, estas studata la deveno, loka kaj tempa, de arto, skribo, laboraranĝo, religio, scienco, politikaj sistemoj, militstato. Neeble en kelkaj frazoj diri kiom da klarigoj, da pripensoj, da komparoj, da filozofiaj rezonoj, la aŭtoro ordigas laŭ la ĉeneroj de l'historio. Tial la libro ne nur larĝe skizas la tutan homan evoluon, sed pri ĝi reliefigas la ĉefajn demandojn, kiujn homa cerbo kreis, tiujn fundajn nesolvitajn problemojn, kiuj estas ĝia honoro kaj ĝia turmento.

Se, ĝenerale, mondhistoriistoj ekiras de la unuaj civilizacioj, aŭ de l' prahomo, loĝanto de l' kavernoj, ĉi tie la origino mem de l' vivo, de l' plantoj kaj bestoj, estas rapide elvokita; tiu biologia resumo, interesa, estas tamen iom eltema. Nuntempe, kiam tiom abundas la grafikaj dokumentoj, ĉiam tiel efikaj, oni estus dezirinta pli riĉan bildaron. Sed tiam la libro fariĝus albumo, rigardado misvalorigus legadon, kaj la kosto tre altiĝus. Videble kredas la aŭtoro al historia kaŭzeco, al antaŭdestino, kvazaŭ la tuta evoluo estus antaŭe planita, volita, ne estus povinta iri alian vojon, kvazaŭ ĉefpersonoj estus divenintaj la estontecon. « Estis atendeble, ke tiu kreskeganta mondo de homriĉaj urboj kaj kolonioj ĉirkaŭ la Mediteraneo pli malfrue enirus la grandan decidbatalon. Iel ĝi devis fariĝi unueca

korpo kun komunaj organoj... Ĉi tiu celo estis atingebla nur per la vojo de multjarcenta intermilitado... » Ĉu vere, kio okazis, ne povis ne okazi? Ni ne solvos tiun metafizikan problemon. Fine la amplekso mem de l' temo malebligis vivecon, romanecon,, troveblajn en biografioj, memorlibroj, studoj pri sola heroo, sola epoko. Ja grandan monumenton oni ne rigardas de proksime, nek oni vidas foliojn de fora arbaro. La celo de l' verkinto fiksis al ni necesajn limojn, kaj estus stulte serĉi en tiu admirinda freskaro portretojn, scenetojn, anekdotojn, kiuj rompus ĝian imponan liniaron.

---

Ĉu pli religia, aŭ pli etika, estas la movado Bahaismo? Ĝi limas al ambaŭ. Se vere ĝiaj fondintoj faris miraklojn, antaŭdiris estontecon, estis profetoj, ĝi estas nova religia sekto. Se esence ĝi estas invito al ĉiuj larganimaj spiritoj kunigi siajn fortojn al komuna idealo, anstataŭ rigardi unu alian kiel malamikoj, ĝi fariĝas filozofio. Tion vi mem povos studi en la ampleksa verko de D-ro Esslemont, *Baha' u' llah, kaj la Nova Epoko*, esperantigita de F-ino Lidja Zamenhof. La aŭtoro estis dum pli ol du monatoj gasto de Abdul Baha, kiu eĉ korektis parton de la verko en persa traduko. Bab, la unua, estis la Sankta Johano Baptisto de l' movado. Baha' u' llah, ĝia mesio, Abdul Baha lia postsekvanto. « Baha' u' llah deklaris klare kaj plurfoje, ke li estas la delonge atendata edukanto kaj instruanto de ĉiuj popoloj, la fluejo de mirinda Dia favoro, superante ĉiujn antaŭajn elfluojn, kiu unuigas en si ĉiujn antaŭajn formojn de religioj, kiel oceano unuigas riverojn ». Cetere tiuj nuntempaj apostoloj postulas progresojn, kiujn nia okcidenta civilizacio atingis aŭ agnoskas: helpo al malriĉuloj, rajtoj por virinoj, higieno kaj instruado por ĉiuj, kontraŭalkoholismo. Ne fanatika estas movado, kiu ne ligiĝas al vegetarana nutraĵo, asketa vivo, kuracado per preĝoj; ĝi malakceptas profesian pastraron; ĝi favoras internacian lingvon, nome Esperanton. Aliflanke, konstitucia monarĥio estas por ĝi preferata regsistemo. La libro enhavas multajn citaĵojn, ĉar male al kelkaj movadoj, ĉi tiu posedas riĉan fidindan fontverkaron kun orientpoezia beleco. Pri bahaismo, ĉio, historio, principoj, instruoj, celoj, profetaĵoj, rilatoj kun homaj problemoj, estas ekzamenata, kaj indekso permesas trovi la serĉataĵon en la plena traktaĵo.

Kajero 4-5 de Nova Kulturo prezentas tri novajn predikojn de P. Danov: *La songo de Jozef*, La leĝo de servado, La graveco de la malgrandaj aferoj, similaj al antaŭaj; se ni parolas pri la tradukaĵo, ĝi estas bonstila; pri la prelegoj mem, nek ilia naiveco, nek bibliaj citaĵoj, nek subitaj temŝanĝoj, nek ŝajna moderneco igas ilin superaj al ĝenerale aŭdataj predikoj de niaj pastroj ĉe la ĉiudimanĉaj diservoj.

---

Kion vi ŝatas, kiam vi volas distri vin legante romanon? Aventurojn variajn, eblajn, ĉar maleblaĵoj baldaŭ tedas, tamen neordinarajn, ĉar kutimaj, senspicaj, estas ĉies konataj. Certe ĉion deziratan alportas la libro: *Anstataŭa Edzino*, de aŭstralia verkintino, kies plumnomo estas Erica Maxwell. Ĝi ja tuj komenciĝas per edziĝo, sed fiktiva, kaj dece finiĝas per edziĝo, ĉi tiu reala kaj feliĉa. Kiom da neatenditaj situacioj, okazoj, emocioj inter ambaŭ! Scivolemo puŝas la leganton tiel, ke li eĉ ne rimarkas renkontojn aŭ similecojn iom miraklajn. La entute bona lingvo de l' traduko liveras maloftajn kritikindaĵojn. Se fine vi scios, ke Esperanto tute nature ludas rolon en ĝi, mi esperas ke vi deziros legi tiun interesan, amuzan, nepredikeman sed honestan romanon. Vi tion ne bedaŭros.

---

*Disrompo*, kvarakta moderna dramo, de B. Lavrener, eltirata el samaŭtora romano, tradukita de Helena Sazonova, estis ĝis nun nenie presita; ĝi estas dokumento pri la unua periodo de l' Rusa revolucio. Du aktoj okazas sur la krozŝipo Aŭroro, du aliaj en la domo de ĝia kapitano en Kronŝtadto. La tendencon de l' teatraĵo oni tuj konscias vidante, ĉe la fino, hisadon de l' ruĝa standardo sur la ŝipmasto je kantado de Internacio. Sed la vigla dialogo, la forta esprimaro, la konflikto preskaŭ tragedia de du kontraŭaj idealoj faras tiun dramon tre interesa, tre impresa. Oni ne forgesas la rolulojn, von Stube « restoracia leŭtenanto, flirtanta maristo de bulvardoj », Tatjana, lia edzino, kiun allogas la nova socio kaj ĝia heroldo la maristo Godun, ŝia fratino Ksenja, emancipita duonvirgulino, kiun la malordo devojigis; ŝi ja deklaras: « Kiam ni komencis vivi, la vivo disfalis. Mi nenion en vivo vidis krom disrompo kaj turmento. Kaj ne havante tempon por ekflori, mi devas forvelki. Jen ĉio... » La esperanta teksto estas lerta, vigla. (Krom formoj kiel « Vi donas sin »).

Intencante forigi mankon de libroj taŭgaj por geinfanoj, Holandaj geinstruistoj tradukis fabelojn pri feinoj, koboldoj, gigantoj, bestoj, vojaĝo al la luno, en simpla korekta stilo. La ok prozaĵoj de *Floretoj*, *Porinfanoj rakontoj*, estas presitaj grandlitere, kaj la eldonisto ilin ornamis per multaj belaj bildoj, eĉ koloraj, tiel ke la libro fariĝis belaspekta, plaĉa albumeto, kiu ĉiel plenumas la celon.

Unua esperanta presitaĵo en *Islando* havas tiun titolon, priskribas tiun landon, helpe de kelkaj fotoj kaj unu karto. Instrua kaj agrabla legaĵo. Geografio, historio, literaturo, nuntempaj progresoj de l' fora popolo estas priparolataj. Kiaj kontrastoj: « Jen estas malgranda remboato kaj jen vaporŝipo. Jen portas la maristoj sian kaptitaĵon surŝultre et la boato teren, kaj jen laboras argano. Jen falĉas kamparulo nesterkitan teron per manaj iloj, kaj jen li movas maŝinon super kulturitan kampon. Jen spiregas ŝarĝita ĉevalo, kaj jen susuras moderna aŭtomobilo. Jen piediras leterportisto tra senvoja intermonto, sed super li flugas poŝtportanta aeroplano. Jen estas torfo uzata por hejtado kaj lumigado, kaj jen donas la mezurebla potenco de la islandaj akvofaloj elektron al la hejmo ». Tiuj linioj montru ankaŭ la lertan verkadon de l' aŭtoro O. P. Kristjansson. La paĝoj pri la popolmoroj, pri la antikva lingvo estas speciale interesaj. Do bonega libreto; sed multe tro kosta por 64 paĝoj!

Tolstoj, post la efektive iom ridindaj renkontiĝoj de la francarusa maristaro en Kronŝtadto kaj Tulono dum 1893, verkis pamfleton: *Kristanismo kaj Patriotismo* en kiu li montris, ke tiuj ŝajne porpacaj aranĝoj, paroladoj, festoj kaj festenoj, efektive trompas la popolojn, ke patriotismo troigita kaj miskomprenata rekte kondukas al militoj. S. A. T., ne malprave, opinias, ke en tempo iom simila, tiu libro refariĝis aktuala. Tial ĝi aperigas la tradukon de I. Maĉernis. La teksto estas ĝenerale bona; frazoj tre longaj kaj ĉefe vortordo ne kutima, ne logika, estas oftaj. En postparolo, la tradukinto antaŭvidas, ke Esperanto, unue helplingvo, poste estos sola mondlingvo kaj malaperigos la naciajn idiomojn. Ni tion ne esperu.

Jen tri volumetoj de Biblioteko de Japana literaturo. Unue *Epizodo en Ŝuzenĵi*, heroa historia drameto, interesa ekrigardo al la Japana nobela tempo, kiam sentoj de honoro, fideleco, kuraĝo ĉion superis. Traduko ne malbona. Due, *Infanmurdo*, moderna teatraĵeto, pri naivaj simplaj popolanoj, por ni ne tre verŝajna okazaro. Lingvo malpli laŭdinda. Laŭ antaŭparoloj ĉiu el ambaŭ aŭtoroj estas la plej fame konata dramverkisto en Japanujo. Trie, *Unu bileto*, prozaĵo, detektivrakonto laŭ Sherlok Holmes, vere duŝtupa, ĉar post taŭga klarigo de mistera krimo, ĉio renversiĝas kaj dua hipotezo detruas la unuan. Bedaŭrinde malbona preso, stileraroj difektas la libreton.

Pri *La Dek Bildoj de Bovpaŝtado*, La libro de Zen-Budhismo, ni legas, ke ĝi prezentas « laŭŝtupan plialtigadon de homa spirito per dek metaforaj scenoj », ke ĝiaj bildetoj, prozetoj kaj versaĵetoj estas simboloj. La libreto, bele eldonita, kredeble havas valoron historian, filozofian, sed mi devas humile konfesi, ke ĝi restis tute nekomprenebla mistero.

Instrua scienca verketo resumas la lastajn akiraĵojn de astronomio; ĝi estas *Pri Astro-Fiziko*, kompilaĵo de L. Korinna. Post historia skizo, ĝi listigas la novajn sciojn pri steloj, stelevoluo, stelnebuloj, kiujn uzado de spektroskopo kaj spektranalizo alportis, kaj alvenas ĝis la lastaj hipotezoj de fizikistoj kaj matematikistoj pri grando, konsisto, formiĝo de l'universo.

Politika propagandilo kun mallonga teksto sed multaj bildoj, *La ekonomia kooperativo de Ŝtatoj de la Malgranda Entento* havas titolon kiu sufiĉe diras pri la celo.

Novaj broŝuretoj pri Sovetio aperis: *Nia Gvidanto*, apologio de Lenin, kun portreto lia, kaj tiu de Stalin la verkinto de du el la artikoloj; *Batalante por la metalo* vive montras la streĉadon de laborfortoj en lamenuzino por obeo al la kvinjarplano; kaj *Kiel ni konstruas socialismon* ankaŭ temas pri la rimedoj uzataj por efektivigi tiun faman planon.

---

Jen kelkaj lernolibroj, reeldonaĵoj aŭ novaĵoj. Dua eldono de *Robinsono Kruso*, tradukaĵo de Bulthuis kiel legolibro. Ne nur por holandanoj, pro la aldonitaj gramatiko kaj vortaro, sed ankaŭ por alilandanoj ĝi estas tre taŭga, interesa instruilo; ja la ĉefa parto, kaj demandaro estas esperanto. Ĝi estas bone ilustrita kaj preskaŭ ĉiuj preseraroj kaj stilaj malglataĵoj de la unua eldono estis zorge forigitaj.

*Esperanto, la internacia lingvo*, lernolibro por araboj de Amin el-Mofti, kun 16 lecionoj, vortaretoj, komercaj leteroj, legaĵoj, estas nete presita kaj mirigas nin per sia stranga intermikso de l' latina literaro por la esperantaj tekstoj, kun la eleganta komplika serpenta skribo de la araba lingvo.

La libro por Germanoj *Esperanto* de Jul. Glück kaj D-ro Edmond Sós, 7-a eldono (31-35 miloj) estas la kutima gramatiko, laŭ la malnova, sed ne malbona, metodo, kun multaj ekzemploj, taŭgaj tradukekzercoj, komplementaj klarigoj, legotekstoj.

Fine eldono kataluna de la konata gramatiketo kaj vortaro, la ruĝkovrila *Primer Manual*.

---

Preskaŭ nur citeblaj restas: *Sveda Kantareto*, kun tradukoj de svedaj kantpoezioj kiuj permesos al Svedaj grupoj gajigi siajn kunvenojn per konataj melodioj: *Konturo de Oomoto*, 2-a eldono kun skizo pri la movado kaj bildaro; *B.E.S.'a Adresaro*, 9-a eldono, 1931, kun listoj laŭlandaj de korespondant aŭ kolektemuloj; *Wat is Esperanto*, holandlingva propagandilo; *La langue auxiliaire en progrès*, franclinva paroladeto de S-ro André Baudet; novaj bibliaj rakontoj, sur kvar paĝoj, kun kolora bildo, eldonitaj de *La Interniaro; Raporto pri la 15a nacia itala kongreso de Esperanto* en Komo, itallingva kun bildoj; kaj fine belega gvidlibreto kun geografiaj kartoj, multaj bildoj, *Vysoké Tatry* (*altaj Tatroj*) vere luksa eldonaĵo de Ministerio por fervojoj en Ĉeĥoslovakio, tre praktike aranĝita, kiu allogos kongresintojn post Krakovo viziti tiun pentrindan landparton.

14 Majo 1931. G. S.

# Literaturo

## Maks kaj Moric

De WILHELM BUSCH

Laŭ permeso de la eldonejo Braun & Schneider, München.

Antaŭparolo.

*Kiom ofte oni aŭdas —*
*Tion certe ni mallaŭdas —*
*Pri petoloj fi-ideaj*
*De bubaĉoj malobeaj.*
*Maks kaj Moric estis tiaj,*
*Mallernemaj kaj malpiaj,*
*Boninstruon ne akceptis,*
*Sed petolojn nur konceptis !*
*Homojn, bestojn, ha torturi,*
*Kaj per tio bonplezuri,*
*Estis pli agrabla faro*
*De ĉi tiu buba paro !*

*Ŝteli prunojn, pirojn, pomojn,*
*Malrespekti bravajn homojn,*
*En lernejo stulte sidi,*
*Malatente kaj nur ridi,*
*Tion ambaŭ ĉiam volis,*
*Tial ĉie ajn petolis.*
*Sed la sorto ne atendis*
*Kaj meritan punon sendis.*
*Jen notita estas ĉio,*
*Desegnita ankaŭ tio,*
*Kiel moke ili agis*
*Kaj per morto fine pagis.*

Unua petolo.

*Multaj homoj ege penas,*
*Kiam ili kokojn tenas;*
*Ke la birdoj metu ovojn,*
*Faru eĉ sukcesajn kovojn,*
*Ĉar, rostita en la pato,*
*Kokideto estas ŝato !*
*Kaj la plumoj estas beno*
*En matraco kaj kuseno,*
*Ke la lito estu mola,*
*Varma sub la tuko tola.*
*Jen vidvino Bolte, brava,*
*Samcelante estis prava.*
*Tri kokinojn jen ŝi havis*
*Kun kokviro, kiu ravis.*



*Maks kaj Moric nun pripensis*
*Kaj la kokojn tuj atencis.*
*Ili panon dispecigis*
*Kaj kvar pecojn interligis*
*Krucfadene, kun rutino,*
*En la korto de l' vidvino.*

*Tiel ili firme ŝnuris*
*La panpecojn kaj forkuris.*
*Laŭte vokas la kokviro*
*La kokinojn kun ĝojmiro.*
*Ĉiuj ili tuj rapidis*

*Kaj la pecojn manĝavidis.*
*Sed la pano ne eniras,*
*Kiom ajn ja ili tiras.*
*Vane ili gluti provas,*
*Ĉien ajn la kolojn movas.*
*Baraktante per la kruroj,*
*Sin batante ĉe la muroj,*
*Ili krie, fluge saltas,*
*Pende ĉe l' pirarbo haltas.*
*Antaŭ morto de sufoko*
*Ovon metas ĉiu koko.*
*La vidvino kuŝis lite*
*Kaj ekaŭdis tutsubite*
*Kokajn voĉojn malesperajn,*
*Kriojn mortajn kaj mizerajn.*
*Ŝi leviĝas kun la sento,*
*Ke okazis akcidento.*
*El la domo ŝi eliras,*
*Kun teruro ŝi ekmiras,*
*Ke la kokoj mortaj pendas*
*Kaj ne plu rigardojn sendas.*
*Preskaŭ krevas ŝia koro*
*Kaj ŝi ploras en doloro:*
*« Mia revo plej sopira*
*Pendas jen sur arbo pira ».*
*For de l' arbo ŝi deŝiras*
*La mortintojn kaj reiras*
*En la domon zorgoplene,*
*Malrapide, ve-miene.*
*Finis la unua faro,*
*Dua sekvos de la paro.*

Trad. FRANZ DÖRING.

## Hundegoj kaj hundetoj

de BOUCHER DE PERTHES

*kun afabla dediĉo al Julio Baghy, filozofo de homaj bestoj.*

[1] Boucher de Perthes estis arkeologo kaj filozofo el la epoko 1830-1848. Li verkis interalie « Homoj kaj ajoj » (*Hommes et Choses*) en kiu troviĝas tiu sprita paĝo, citita de Armand Charpentier kaj ankaŭ de V. Margueritte (La Homa Patrujo).

Nu, ĉiulandaj popoloj, se mankas al vi la neceso, se vi estas ĉie suferantaj kaj malsataj, se anstataŭ iri antaŭen, vi malprogresas, kio estas la kaŭzo? Pardonu al mi la esprimon, sed la kaŭzo kuŝas en tio, ke vi estas ankoraŭ pli malspritaj ol malriĉaj.

Mi demandas vin mem: ĉu ne estas tiel, ĉar viajn brakojn, kiujn Dio donis al vi por kulturi teron, por vivi mem kaj por vivigi ceterajn, vi ja uzas por malebligi ceterajn homojn kulturi teron, vivi mem aŭ helpi vin je vivado, nur ĉar ili havas alian nomon ol vi aŭ parolas alian lingvon aŭ eĉ nur ĉar ili portas ĉe bastono alikoloran ŝtofaĵon ol tiun, kiun vi portas mem?

Nu, honeste dirite, ĉu tio estas serioza motivo? Ĉu ilia sango ne estas ruĝa tute same kiel la via? Ĉu ilia koro batas alie? Ĉu viaj bezonoj kaj suferoj ne similas? Fine, iam estinte homoj kiel vi, ĉu ili ne fariĝis, ankaŭ same kiel vi, mizeraj brutoj, kompatindaj hundetoj senharaj, bojemaj, malsanaj, batataj, mokataj, mordataj de hundegoj similaj al tiuj, kiuj mordas vin? Fine ĉu la *nacio* (ĉar ankaŭ vi nomas vin tiel) ne estas same dividita en unu malplimulto, kiu manĝas, kaj unu plimulto, kiu malsatas?

Ĉar vi suferas je sama malsano, verŝajnas, ke por kuraci vin estos necesa la sama rimedo. Estus ja strange se vi, batalinte pri la supo, ankoraŭ batalus pri la kuracilo, dum ĝi estas simpla kaj facila.

Sendube vi tuj diros al mi, ĉar ni staras ĉi tie dekmilope kontraŭ unu, nenio pli simpla ol nin armi, amase leviĝi, ĉiuj kune, kaj ataki la hundegojn, ilin mortigi kaj dividi la felojn inter ni por kudri al ni peltojn.

— Eraro! Honestaj hundetoj! Ĉar tio, kion vi volus nun fari, tion vi jam faris dudekfoje. Almenaŭ ses fojojn mi memoras. Kaj poste vi tamen restis hundetoj, pli malriĉaj, pli malsataj, pli malbelaj, pli malspritaj, pli malpuraj ol iam ajn.

Nur la hundegoj estis ŝanĝitaj: anstataŭ esti blankaj, ili nun estis ruĝaj; anstataŭ havi du dentegojn je ĉiu makzelo, ili havis eĉ kvar; anstataŭ manĝi nur vian supon, ili volis ankaŭ meti vin en ĝin por plibonigi la buljonon. Kaj tiel estos ĉiam tiom longe, kiom vi faros same, t.e. tiom longe, kiom vi uzos armilojn, ĉar ilin preninte, ĉiam ekzistos iuj, kiuj ne volos ilin forlasi kaj preferos ilin utiligi por fariĝi hundegoj.

— Nu, tiam ni faros al tiuj ĉi same kiel al la unuaj.

— Bone. Kaj poste? Vi devos rekomenci denove kaj tiel plu, tiamaniere vi ĉiuj pereos unu post alia ĝis fine restos nur viaj ostoj por klarigi la aferon. Ĉu vi do ne vidas mem, ke la rimedo ne taŭgas? Mi tuj montros al vi pli bonan kaj multe malpli danĝeran. Mi eĉ diros sukcesplena. Tiu rimedo ne konsistas je faro, sed je rezigno je faro.

Vi ja konstatis, ke la hundegoj, ĉiuj kune, nombrus eĉ malpli ol unu dekmilonon de la hundetoj en amaso kaj ke ili regas nur ĉar la hundetoj batalas inter si.

Nu, kiamaniere la hundegoj bataligas la hundetojn? Antaŭ centjaroj vestante ilin per ŝildo kaj pikilo aŭ sagoj kaj pafarko, hodiaŭ per pafilo kaj bajoneto.

Nu, vi bezonas nur krucigi la brakojn kaj nek pro mono nek minaco, nek pro puno nek promeso, tuŝi tiun pafilon aŭ bajoneton.

Kompreneble oni sendos al vi la ĝendarmojn. Lasu ilin veni. Oni sendos vin al malliberejo. Iru. Oni kondukos vin al juĝisto. Lasu vin konduki. Oni kondamnos vin enviciĝi en regimenton. Enviciĝu. Tie oni volos ekzercigi vin kaj por tion fari, oni pruntos al vi tiun saman pafilon.

Ĉi-tiam, atentu: bone memoru, ke oni enmanigas al vi armilon por pafi homon, eĉ homon, kiu faris al vi nenian malbonon, ne volas vin malutili kaj, same kiel vi mem, deziras nur labori honeste kaj vivi el sia penado, fine homon, kiun oni devigas, same kiel vin, oferi sian trankvilecon, tempon kaj sangon por defendi interesojn ne siajn kaj subteni principojn, por li ne kompreneblajn, ĉar bazitajn nek nur saĝo, nek sur rajto, aŭ por trudi kontrakton, kiun li ne subskribis kaj neniam subskribos, ĉar ĝi savas lin nek de maljusto, nek de malsato.

Do ne tuŝu tiun pafilon, kvazaŭ ĝi estus el hejtruĝa fero aŭ kvazaŭ la diablo prezentus al vi plumon por subskribi la vendon de via animo kaj vian eternan kondamnon.

Pro tiu rifuzo, vin oni nomos senobea, senkuraĝa, senleĝa, senkora. Tamen ne tuŝu la pafilon. Oni montros al vi la fremdulojn invadantajn la patrujon. Lasu ilin invadi. Oni montros ilin renversantajn tronon aŭ prezidantan seĝon. Lasu renversi.

La tuta afero neniel koncernas vin... Se la fremdulo portas al vi panon, li estas via nutranta patro. Se li ne portas, li ne povas preni la vian, ĉar vi ne havas da ĝi. Do ne tuŝu la pafilon kaj lasu diri!

Sed ili blekos, ili bojegos! Lasu bleki. Lasu bojegi. Tio ne daŭros ĉiam. Tio ne daŭros eĉ momenton se via ekzemplo multiĝos kaj se neniu el vi tuŝos la malbenitan feraĵon. Tio ne estas malfacila, honestaj hundetoj! Kaj mi ne proponas ion pli. Sed tiun eton mi rekomendas al vi aparte, ĉar tie kuŝas la sekreto de l' afero kaj la rimedo al ĉiuj viaj malfeliĉoj: rimedo heroa, rimedo trafcerta, kies rezultato estus tuja, se ĉiuj soldatoj de via lando, ĉiuj soldatoj de Eŭropo, ĉiuj soldatoj de l' mondo, unuvorte ĉiuj pupoj, ĉiuj malsaĝuloj, ĉiuj azenoj en uniformo, kiujn la hundegoj saltigas kaj kurigas por sia plezuro, nur decidus, ne ĵeti siajn armilojn al nazo de l'oficiroj (eĉ azenoj estu ĝentilaj), sed elegante ilin deponi al iliaj piedoj dirante:

« Mi forlasas la laŭrojn por la brasikoj kaj iras planti la miajn; faru same pri la viaj, aŭ batalu, sinjoroj kapitanoj, se tiel plaĉas al vi.

Adiaŭ! Al vi mi cedas mian parton da gloro: depost tiu ĉi tago, ĝi estos plene via, ĉar vi mem rikoltos ĝin kaj la historio de l' herooj ne plu skribiĝos sur la haŭton de l' popoloj.

La pikilon al kavaliroj, la plugilon al laborantoj; sed la pikilo ne tuŝu la plugilon, ĉar tiam la plugilo rompos la pikilon kaj ties brakon. Tiel estu! »

# Geografio kaj turismo

## La fizionomio de Krakovo

De D-ro Fr. KLEIN.

Krakovo, ĉefurbo de iam potenca ŝtato, estas urbo kun tre malnova kulturo. Tio ĉi devas nepre okultrapi ĉiun turiston ĝin vizitantan. Malgraŭ la vandalismo, kies postesignojn restigis post si la fino de XVIII. jc. kaj komenco de XIX jc., malgraŭ la utilitarismo de pasintaj kaj nunaj jaroj, malgraŭ la forigo de mezepokaj fortikajaj muroj kun iliaj belegaj bastionoj kaj pordegoj, malgraŭ la forigo de tiom de aliaj konstruajoj, Krakovo konservis ĝis la hodiaŭa tago sian mezepokan karakteron. Tamen tiu ĉi ĝia karaktero tute ne estas unuspeca, male ni povas tie ĉi rimarki ĉiun epokon; ĉiuj stiloj, intermiksitaj formas multkoloran kaj helan mozaikon, plenan de ĉarmo kaj poezio. Tiu ĉi kunmiksiĝo de stiloj kaj epokoj devenas de tio, ke Krakovo apartenas al tiu tipo de urboj, kies plej granda disvolviĝo estas ligita kun la fino de mezepoko do je la XIV. kaj XV. jc., post kiuj sekvas periodo de konstanta malprogresado tiel, ke la sekvintaj tempoj, konservante malnovajn urbolimojn aliformadis tion kio restis el la pasintaj.

Generale posedas Krakovo stampon de la XVIII. jc., sed nur ŝajne, ekstere. La malnova urbo, t.e. la centro de la nova, estas plejparte gotika, kvankam ĝi posedas eksteran vestajon pli malfruan.

Karaktero de la stratoj kaj de la profana arhitekturo faras impreson de urbo riĉa, sed simpla, logita en pasintaj jarcentoj de burĝa loĝantaro. Tial ni vidas tie ĉi malgrandajn domojn, plejparte kun tri aŭ kvar fenestroj, kun grandegaj, arkajaj enirejoj, kiuj iam servis kiel komercaj deponejoj de grandaj komercaj firmoj. Apud ili ni rimarkas ofte ankaŭ ian pli grandan konstruajon, kredeble ian palacon, sed ili estas proporcie malmultaj kaj ne ludas pli gravan rolon en la ĝenerala karaktero de la urbo.

Ekzistas tamen strato de S-a Johano, ĉe kiu ariĝis kelkaj grandnobelaj palacoj, donantaj al ĝi per tio ĉi ion specialan karakteron de grandsinjora digno, kiun ĝi ĝis nun posedas. La strato kvankam ĝi kusas precize en la mezo de la urbo, restis kvazaŭ mortinta.

Oni povas tie ĉi rimarki preskaŭ nenian movadon, mankas butikoj, regas silento kaj seriozeco Altaj kaj fieraj domoj, kun ĉiam sirmitaj fenestroj kaj kun ŝlostaj pordegoj, dormetas senzorge meze de perfekta silento, dume kelkajn paŝojn de ili regas vivo kaj strata bruo.

La ĉefa eco de malnova Krakovo estas ĝia pentrindeco. Malgrandaj, mallarĝaj stratoj, plenaj de kurbiĝoj, formas pentrindajn angulojn. Malaltaj domoj kun kurbaj linioj, subtenataj per grandegaj apogiloj, kun facile videblaj tegmentaj kornicoj, formas vivplenan mozaikon de motivoj, el kiuj ĉiu estas malsama, kaj kiuj jetas en la sunradioj belegan gamon da koloroj, plenan de lumombraj kontrastoj, de miloj da koloroj kaj karakterizaj tegmentaj linioj, desegnantaj sin forte sur la hela ĉielfundo.

Precipe bela ekzemplo de tio estas Maly Rynek (Malgranda Placo). Ĝi formas negrandan rektangulon, limitan per domoj, kiuj koncerne la stilon prezentas malgrandan valoron. Tamen malgraŭ ĉio ĝi estas unu el la plej vidindaj placoj, unu el al plej karakterizaj punktoj de malnova Krakovo, tiom pli multvalora, ke ne tuŝita de la spirito de modernismo ĝi konservis bonege sian malnovan karakteron. Ĝian okcidentan flankon formas granda konstruajo t.n. Bursa. kun deklivaj muroj, profunde lokitaj teretaĝaj fenestroj, kovrita per granda, bruna ruĝa tegmento kun forte elstaranta kornico. Apude staras duonronda presbiterejo de preĝejo de S-a Barbaro kun du profundaj fenestroj kaj unu ronda en la mezo kun sia alta verda — ruĝa tegmento kaj belforma, sonoriltureto. Plue malgranda dometo kun traira pordeto kaj malantaŭ ĝi longa domo de pastroj Vikarioj de S-a Mario — preĝejo, modesta sed karakteriza. Super ĝi etendiĝas fiere preĝejo de S-a Mario, karakterizita per profundebruna tono de la muroj, kovrita per turkista-kupra tegmento, super kiu regas du turoj kun karakterizaj pintoj. Simplan, sed ĉarmoplenan kaskon de la pli alta turo formas okangula piramido, ĉirkaŭita meze per krono, kaj malsupre per duobla vico da pli kaj malpli grandaj turetoj, tre tipaj por la pola lignaja arhitekturo. La malpli alta posedas kaskon barokan kupolan.

Koncerne la turojn rakontas bela malnova pola legendo pri du fratoj konstruintaj ilin, el kiuj la malpli juna, fininte pli rapide sian turon, kaj ne volante, ke antaŭ la alia estu tiel same alta, mortigis la fraton kaj per tio haltigis ĝian konstruadon. Sed turmentata pro riproĉoj de konscienco li konfesis sian krimon kaj dum la konsekrado de la turo jetis sin el ĝia supro. Ĝis la hodiaŭa tago estas pendigita sur ĉeno en la Draphalo, tuj ĉe la enirejo al Nacia Muzeo, granda tranĉilo, per kiu laŭ la legendo frato mortigis fraton pro envio.

Sed ne nur la Malgranda Placo liveras al ni tion da artimpresoj. Volante ekkoni Krakovon, oni devas viziti la apudajn stratetojn: malnovojn, mallarĝajn, kurbajn kun malgrandaj domoj, ŝajne senvaloraj kun muroj de kolosa dikeco, sed samtempe apogitaj ankoraŭ per grandegaj sub teniloj, okupantaj kelkloke la tutan trotuaron.

En ili trovos la turisto, amanto de malnova urbo, neelĉerpeblan riĉecon de arhitekturaj motivoj. Oni devas nur eniri kelkajn vestiblojn, kelkajn kortojn kaj ŝtuparojn, kaj oni trovas ĉie ĉe ĉiu paŝo, ion rimarkindan. Nur tie ĉi, oni ekkonas la karakteron de la urbo; tie ĉi rememorigas sin ĝia tuta estinteco, kiam ni trafos domon, ŝajne ordinaran, en kiu tamen ariĝis ĉiaj epokoj, komencinte de XIV. jc.

Tia ekzemple estas la domoj n-ro 3, ĉe placo de S-a Mario. Konstruita en la XV. jc., ĝi konservis la antaŭan planon de la keloj tre romantike dismetitaj sur diversaj niveloj, inter ligitaj per



*Preĝejo S-a Maria, vidata de Draphalo (Sukiennice)*

malgrandaj ŝtuparetoj kun trairejoj, ornamitaj per ŝtonaj, gotikaj portaloj. Simpla fasado el la fino de la XVIII. jc., kovras la antaŭan renesancan kun belaj « sgrafitto » (parte ree malkovritaj). Tra bela enirejo ni eniras korteton; tie ĉi gotika fenestro kun fera krado, apude malpli granda kvadrata el la XVI. jc. De unu flanko duarkada « loggia », kun blazona ŝildo, de la alia balkonoj sur belaj lignaj kolonoj, kun sama balustrado. La ŝtuparon kovras plafono el ĉizitaj traboj (XVII. jc.) same kiel ĉambrojn sur la unua etaĝo. Malgranda korta ĉambreto posedas arkajon, ornamitan per belegaj stukajoj el la komenco de la XVIII. jc., verko de Baltazaro Fontana.



*Korto de Universita Biblioteko kun statuo de Kopernik.*

Tiaj domoj ekzistas en Krakovo ankoraŭ multaj. Krom tio konserviĝis granda nombro da gotikaj arkaĵoj el la XIV. kaj XV. jc. kaj da lignaj plafonoj, kunmetitaj el traboj. Preskaŭ ne ekzistas ia antikva domo, en kiu ili mankus. Turnas la atenton belaj portaloj, precipe gotikaj kaj renesancaj kaj ankaŭ la barokaj. Bedaŭrinde ilia nombro ĉiujare pli kaj pli malgrandiĝas. Pli multenombre ili konserviĝis ĉe flankaj stratoj. Ni trovas en ili objektojn vere artajn, kaj kelkfoje ŝajne tiel strangan miksaĵon, kiel severa gotika portalo kun delikataj rokokaj ornamaĵoj.



*Draphaloj.*

# Pri formo de varbado

Kiam temas pri propagando, ni ne nur paroladu sed ankaŭ agu. Ni elprovu metodojn kaj komuniku niajn rezultatojn bonajn aŭ malbonajn al la esperantista publiko por ke ĉiu profitu siaflanke de la akiritaj spertoj.

Jen priskribo de la evoluo de labormetodo uzata de la *Orient-franca Esperantista Federacio* :

Antaŭ kelkaj jaroj la agema Prezidanto de la O. E. F. Sinjoro Hubert Férez, decidis la eldonadon de esperantista gazeto nomata « *La Rejna Stelo* ». Tio estis informa kaj literatura bulteno, kiun abonis ĉiulandaj sed precipe francaj gesamideanoj. Kvankam la verko estis vivkapabla ĝi ne evoluis laŭ dezirinda mezuro, kaj efektive nur vegetis; la abonantaro apenaŭ kreskis eĉ minacis malpliiĝi. Pro tiu kaŭzo antaŭ unu kaj duona jaro S-ro Férez akceptis proponon pri aliformigo de la gazeto: Anstataŭ ol verki gazeton por la esperantistoj ankoraŭ tro malmultnombraj, la administrantoj aldonis propagandfolion kvaronjaran *nacilingvan* por veki la intereson al nia afero kaj pligrandigi la nombron da esperantistoj en Franclando. Tiel naskiĝis la « *Tribune Espérantiste* ». Kiel ĉefredaktoro kaj kunlaborantoj inter aliaj ni gajnis por nia « T. E. » kelkajn spertajn jurnalistojn, precipe S-ron Georges Avril, redaktoro ĉe la granda ĉiutaga jurnalo « *L'Eclaireur de Nice* ».

Alia demando aktualiĝis. Ĉar ne nur sufiĉas varbi sed ankaŭ necesas instrui, ni kreis perkorespondajn kursojn senpagajn, al kiuj, krom en la « T. E. » ni ankoraŭ atentigis en diversaj gazetoj, iuj havigis al ni centojn la informpetoj kaj aliĝoj je niaj kursoj.

Jam la tria numero de la nova « T. E. », kiu aperis dum julio 1930 unuafoje laŭ formato de ĉiutaga jurnalo kaj same aspektis, havigis al ni gratulleterojn el ĉiuj rondoj de la franca esperantistaro kaj la « P. T. T.-istaj » samideanoj, kaj poste la « *Universitata Esperantista Federacio* » mendis specialajn folion por iliaj publikigajoj. La abonantaro rapide kreskis; por plialtigi la eldonciferon ni decidis krei la *Abonadon de pakaĵoj po dek Ekzempleroj* (abonprezo nur 10 francaj frankoj pojare !) disdonotaj, vendotaj, lasotaj en trajno, tramo, kafejo, k.t.p. Krom tio la « *Librairie Hachette* », kiu posedas la monopolon de ĉiuj stacidomaj jurnalkioskoj, akceptis kvanton da nia gazeto kaj jam la unuafoje 60 % de la senditaj ekzempleroj vendiĝis — sukceso ĝis nun neniam atingita per iu nova gazeto. Post tiuj nunaj klopodoj ni hodiaŭ estas je la sesa numero eldonata je *dek mil ekzempleroj*, kaj la stato de nia lernantaro per korespondado atingas *Kvin cent* aliĝantojn. La taskokorektado por tiuj lastaj estas farata de aro da bonvolaj instruantoj (ĝis nun deko) kiuj dividas kaj tiele faciligas la laboron. — Ni konjektas ke antaŭ fino de la jaro 1931 la eldoncifero saltos ĝis 16.000 almenaŭ, kaj *kiam ni efektive estos subtenataj per ĉiuj francaj samideanoj* ni rajtos eldiri ke nia gazeto fariĝos potenco atentata de la tuta enlanda gazetaro. Krom tio ni aldonu ke nun ni facile havigas al ni firmaajn anoncojn, kiuj ja sole vivigas gazeton, ĉar nia eldoncifero tutsole fiksas la intereson. La evoluo estas do certa; ni ne mankos ankaŭ estonte publigigi niajn spertojn, rezultatojn kaj eventualajn missukcesojn.

Ĉu la ekzemplo ne estas imitinda kaj valoras klopodojn fari samon en ĉiu lando? Oni nombras centon de esperantistoj gazetoj el kiuj eble dek estas vere eldonindaj. Kial la aliaj ne kuraĝus ekkoni la malbonan vojon, same kiel faris la « *Rejna Stelo* » kiu cedis la lokon al *nacilingva propagandgazeto* ?

Publikigoj de provoj en tiu direkto estus dezirindaj.

Por ekhavi aliajn detalojn kaj provekzempleron skribu al :

S-ro Albert LIENHARDT
12, rue Pougin
*Montigny-lès-Metz*
(Moselle)

FRANCUJO.

---

**Pro manko de spaco en tiu ĉi numero**

**la anoncetoj sub rubriko Korespondado kaj Petoj & Proponoj**

**aperos en la venonta numero, Julio.**




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

*Polico Eduko kaj Protekto.*

Tiel titolita manuskripto ensendis Havena subkolonelo Arturo Passerini el Livorno, Italujo, kun jena teksto :

Unu el la plej gravaj taskoj de la socio estas, prepari kaj eduki la junularon por la sociaj vivproblemoj kun la celo, zorgi por bone funkcianta ordo. Bonordo sen ekonomia justeco ne estas facile garantiebla. Ĉiuj, kiuj plenumas policajn devojn certe sufiĉe spertis, ke la eduko al justeco ankaŭ en ekonomiaj aspektoj pli bone sukcesus, se la tasko de la polico al protekto de la publiko ne estus tiel komplika kiel ĝis nun. Tiucele mi kun bona rezultato aplikis sistemon, antaŭzorgi, anstataŭ helpi post okazita malagrablaĵo, kiam mi dejoris sur naĝanta urbo. Kvankam, ke mi estis ne nur sub flago de mia nacio sed ankaŭ sub tia de Sudameriko, mi havis la devon, protekti la elmigrantojn de mia lando.

Por evitigi la malordon, ofte jam okazinta dum antaŭaj vojaĝoj tiaj, per simplaj rimedoj, legadoj, ludoj, laboroj, paroladoj k.t.p. mi zorgis por eviti senokupecon, kiu ĉiam estis la unua kaŭzo al malkontenteco inter la protektitaj personoj. Tiamaniere mi sukcese forigis el ili la malamon kontraŭ la ŝipestraro kaj inter ili mem. Mi atingis intimecon tia grade, ke mi sciiĝis pri ĉiuj plendoj bagatelaj. Nur unufoje oni areste kondukis al mia kajuto junulon, kiu vangfrapis samlandanon pro riproĉo. la elmigrantoj ĉiuj ekscitiĝis pri la aresto kaj tumultis kontraŭ la riproĉanto. Ekkoninte la kaŭzon kaj situacion mi sendis tiun al la ŝipestro por mem peti pardonon por la frapinto, kiu poste tuj povis estis liberigata.

La suboficiroj kaj maristoj de la ŝipo ankaŭ estis de alia nacio kiel la ŝipestraro kaj mi sciiĝis, ke oni intencis kruele venĝi la faron ke oficiro vangfrapis subulon. Kaŭze de mia intimeco inter la elmigrantoj iu informis min antaŭ la venĝo kaj mi aranĝis la aferon kun la ŝipestro en maniero, ke oni neniam plu ofendis la maristaron. Vangfrapita estis jùna napollanda maristo, ĉar li ne komprenis ordonon, donita en fremda lingvo, ne konata al li.

Sur lando la garantio de bonordo estas pli vasta kaj multe pli komplika, sed la principoj restas la samaj, antaŭzorgi, anstataŭ helpi post okazinta malagrablaĵo. Ĉi tiuj, kiuj havas la devon protekti civitanojn nepre devas koni la vivmanierojn kaj-kondiĉojn de tiuj, devas scii pri iliaj kutimoj dum loĝado kaj tempopasado teritorie por akomodi al ili similajn kondiĉojn laŭ eduko kaj laboro. La estrarojn oni atentigu pri kaŭzoj de ekonomia maljusteco, kiu facile povas provoki protestojn rajtigitaj.

Tiucele oni bezonas multan personaron, kiun oni certe povas trovi por la nobla polica protektmisio, se oni komisie akceptas kunhelpon de ĉiuj, kiuj ne bezonas labori por la vivtenado, gerentuloj, gepensiuloj k.t.p. Tiamaniere la profesiaj policistoj povas esti liberigataj de flankaj laboroj por pli intense okupiĝi pri ilia ĉefcelo, liberigi la mondon de la profesia krimularo, tasko kiu pli kaj pli ankaŭ komplikiĝas per la teknikaj progresoj ĉiuspecaj, kiuj permesas uzadon de pli kaj pli rapidaj komunikeblaj rimedoj.

A. Pohle, *Liga redaktoro.*

*Raporto pri la ligaj financoj en la jaro* 1930.

*Enspezoj :*

| | | |
|---|---|---|
| Saldo el la jaro 1929 ............. | | 2,70 RM. |
| Membrokotizoj pagitaj 1930 ........ | | 264,50 » |
| Donacoj de Dr. Ruth, Bern ........... | 40,46 RM. | |
| kaj Andrys, Nachod .. | 12,42 » | |
| entute ............... | | 52,88 » |
| Repago el vendo de ligaj insignoj .. | | 22,— » |
| Enspezoj entute ...................... | | 342,08 RM. |

*Elspezoj :*

| | |
|---|---|
| Repagita al la fratgrupa Leipzig 11 abonoj de « Esperanto » el 1929 .. | 44,— RM. |
| Same por 16 abonoj el 1930 ..... | 80,— » |
| Pagita al U.E.A. por 14 abonoj 1930. | 70,— » |
| Pagita por stampiloj kaj kliŝoj .... | 26,— » |
| Pagita por membrokartoj ......... | 10,90 » |
| Pagita por varbiloj, anoncformularo. | 7,90 » |
| Pagita por 100 liginsignoj.......... | 75,— » |
| Poŝtelspezoj de la ĉefkasisto ...... | 2,84 » |
| Poŝtelspezoj de la adm. direktoro el la unua kvartalo de 1930 ........ | 21,55 » |
| Elspezoj entute ............... | 338,19 RM. |
| Laŭ tio restas je la fino de 1930 saldo de ...... | 3,89 RM. |

Ne enkalkulita estas la poŝtelspezoj de la Adm. direktoro por 2-a, 3-a, 4-a kvaronjaro ............ 71,55 RM. Ili restas registritaj kiel ŝuldkonto por 1931.

En la konto, Membrokotizoj, restis manko de 78,— RM. ĉar kelkaj anoj spite de ripetaj admonoj ne pagis ilin. Se ĉiuj anoj estus plenumintaj iliajn devojn, almenaŭ paginte la kotizon, tiam ne restus la deficito por la nepagitaj poŝtelspezoj de la Adm. direktoro. Laŭ raporto de la ĉefkasisto sinjoro Gräfe, Chemnitz.

# Monumento honore al D-ro Zamenhof

La German-Sileziaj Esperantistoj invitas partopreni
*inaŭguron de Zamenhof-Monumento*
*en Banloko: Bad Reinerz — Schlesien —*

LA 15 16-AN DE AŬGUSTO 1931 !

Speciale la vizitontoj de la kongreso en Krakovo havos oportunan eblecon partproeni, ĉar Bad Reinerz proksime Breslau estas. — survoje via vojaĝlinio; Breslau-on vi ja pasos je via kongresvojaĝo, — do: Reinerz estas bone atingebla.

Urbestraro de Bad Reinerz subvencias nian solenon kaj deklaris nomi la placon, sur kiu estas starigota la monumento:

« Esperanto - Placo ».

Ĉe la domo, en kiu loĝis nia Majstro D-ro. Zamenhof dum sia ĉi tiea restado kuraciĝa (1906 kaj 1909), estos fiksota memorabulo.

Bonvolu — ni petas — atentigi viajn geanojn, geamikojn je nia inaŭguro! — publikigu nian inviton en via gazeto aŭ per cirkuleroj ktp... Ni estus tre dankemaj, se ankaŭ el via teritorio kaj via rondo, Ligo, Asocio, gesamideanoj ĉeestus ! — Kiu ne venos, bonvolu sendi al la ceremonia festo ian saluton skribe, — sed... donu al ni la ĝojon kaj honoron per multnombra vizito en Bad Reinerz !

Nepre necese estas, ke la geamikoj el la proksimeco certe estos en Reinerz. Por ili estas banloko Reinerz bone atingebla. Al tiuj ankoraŭfoje: sekvu nian inviton, vi estos korege bonvenataj !

Informojn oni bonvolu sendi al jena adreso: K. Kliem, Klau-Strasse 3, Löwenberg-Schlesien (German).

# Skoltoj.

## La unua oficiala esperantista tendaro

Ĉu vi ankoraŭ ne pripensis, ke en multaj landoj, skoltoj estas la elektitaj, plej viglaj, inteligentaj junuloj, do estas sukcespromesa afero propagandi inter ili Esperanton? Multaj entuziasme lernis kaj instruis en sia trupo aliajn. Ili multe vojaĝas, vizitas eksterlandajn tendarojn, do povas praktike uzi Esperanton.

Nun estas bona okazo atentigi pri tio skoltojn, trupojn kaj vian nacian skoltan ligon. La Skoltan Esperantistan Ligon, kiu jam havas membrojn en multaj landoj, unuafoje invitis oficiale Nacia Skolta Ligo, kun aprobo de la Tutmonda Komisaro de Skoltoj, por aranĝi internacian tendaron. Ĝi okazos apud Budapest laŭ voko de la Hungara Skolto Ligo dum somero 1931. Por la sekvonta jaro jam invitis la Ĉehoslovaka vicĉefskolto. Flandra kaj Slovaka Skolta Federacioj jam ankaŭ oficiale rekonis Esperanton kaj permesas specialan insignon per skoltoj, kiuj scias Esperanton. Jen bazo por prepari dum aŭtuno propagandon, kiam la skolta laboro estas en skolthejmoj: kunvenoj, lernado, paroladoj. Proponu al via skolta ligo, trupo kaj opaj skoltoj, ke ili oficiale partoprenu la internacian esperanto-tendaron en Hungarujo. La ligoj sendu apartan trupo, kies membroj antaŭe lernas Esperanton. Tio povas esti efektivigata. La trupo povas esti kunmetata el diversaj trupoj kaj landpartoj. Ĉiu nacia skolta ligo reprezentu sin oficiale. El Britujo oni jam promesis la partoprenon de 40-50 skoltoj ! La junularo estas nia estonteco. La skoltaro estas multloke la aganta fermento inter la junularo! Jen nobla tasko por via nuna societa kaj grupa propagandlaboro! Pri sukcesoj kaj detaloj bonvolu skribi al la organiza komitato de la esperantista tendaro. (Adreso P. Balkányi, Budapest, VI, Hajós-u. 15.)

## PRI LA ĈE - INSTRUADO

Dum la lastaj du jaroj estiĝis diskuto pri tio, ĉu la instrumetodo aplikata de S-ro Andreo Ĉe estas nova metodo aŭ ne. Por klarigi la problemon oni demandis eminentan kompetentulon: *S-ron A. Rienks, regnan ĉefinspektoron de la Nederlanda publika instruado*, kiu en Hago kiel faka observanto partoprenis unu tutan kurson de S-ro A. Ĉe. S-ro ĉefinspektoro Rienks en sia ĉi-suba artikolo esprimas sian juĝon:

*a*) REKTAJ INSTRUMETODOJ

Antaŭ 30 jaroj diversaj lingvo-instrumetodoj kreiĝis kiel reakcio kontraŭ la metodo de ekzercajoj kaj vortlernado kaj oni nomis ilin « rektaj metodoj ».

Kelkaj komencis traduki la frazimpresojn de objektoj kaj iliaj ecoj, montrante objektojn aŭ bildojn, grupigitajn laŭ la ĉirkaŭaĵo de la lernanto: lernejo, ĉambro, kuirejo, strato k.t.p. Tiuj metodoj nomiĝis rektaj, ĉar la gepatra lingvo ne estis intence kaj aŭdeble uzata. Oni ĉefe uzis substantivojn kaj la apartenantajn adjektivojn. Nur poste venis la agoj, tamen ne laŭ propraj agoj de la infanoj. Tiel formiĝis rakontoj, projektataj en diversaj tempoj. Samtempe kun la agoj, kiuj esprimis la rilatojn inter la objektoj, oni tradukis la rilatojn, kiuj efektive aŭ enpense ekzistis inter la objektoj. Ĉi tie on tamen forlasis la rektan vojon kaj la helpo de la gepatra lingvo estis necesa.

Aliaj rektaj metodoj prenis kiel bazon agojn de la instruisto kaj lernantoj; sen helpo de la gepatra lingvo oni tuj tradukis en la fremdan lingvon.

Kio en la unua metodo venis poste kaj do fakte ne laŭ la rekta vojo tio nun tuj okazis. Ĉar ankaŭ laŭ ĉi tiu metodo aperis la objektoj en reciproka rilato, la efiko estis pli granda, ankaŭ pro la pli granda vigleco dum la leciono. sed nur tiam, kiam la instruisto posedis la necesajn kvalitojn. Tiu metodo postuli pli grandan kapablecon kaj pedagogian talenton de la instruisto.

*b*) LA ĈE-METODO

*La Ĉe-metodo* por la instruado de Esperanto *eliras de tute alia principo kaj estas tute alimaniere konstruita.*

La lernantoj, ŝajne sen helpo de la instruisto tuj nomas objektojn, kvalitojn, rilatojn kaj agojn, formante frazojn sen la uzo de la gepatra lingvo. Objektoj, bildoj kaj aliaj ĉiuspecaj helpiloj estas multe uzataj.

Tamen la sinsekvo de la materialo kaj ĝiaj instruiloj ne estas difinita de la objektoj kaj agoj grupigitaj laŭ loko kaj tempo, sed de la malfacilaĵoj, kiujn prezentas la lernota lingvo. Tiu sinsekvo estas tiel pripensita, la konstruo tiel logika, ke ĉiu parto donas eblecon al la lernanto mem formi la regulon sen la penso pri gramatiko.

Tio rezultas el la fakto, ke la regulo formiĝas el praktikaj ekzemploj kaj tuj estas aplikata en la praktiko. Kun granda vigleco la regule estas trovata kaj praktikata en rekta kaj neintenca kunlaboro kun la instruisto. Abundo da facilaj aplikoj memorigas la vortojn kaj frazojn, kvazaŭ senpene. La vigla pritrakto devigas la lernanton al propra laboro.

Nur la eksterordinare granda pedagogia talento de s-ro Andreo Ĉe kaj lia kvazaŭ intuitiva kompreno, kiuj tamen estas la rezulto de profunda pripensado kaj multaj eksperimentoj, povis produkti ĉi tiun metodon, kiu metas ĉiun parton sur ĝian lokon en la konstruaĵo. Kaj ĉar tiu konstruaĵo estas simpla, la Ĉe-metodo donas la eblecon kompreni kaj uzi rekte, intuitive kaj fruktoplene la lingvon Esperanto.

La metodo ne estas karakterizata ĉu de frazimpresoj, ĉu de agoj, sed de ambaŭ en reciproka rilato; ĝi iras super la materialon kaj laborigas la spiriton, kiu faras la konkludojn kaj denove aplikas ilin kaj gvidas al ordigita uzo de la nove lernita lingvo. Ĝi do entenas ambaŭ nomitajn specojn de rektaj metodoj kaj krom tio la spiritan elementon.

Pro tio *la Ĉe-metodo havas pedagogie kaj praktike plej altan efikon, ankaŭ morale.* La granda morala valoro estas, ke ĝi kondukas la lernanton al plena evoluo de propraj fortoj.

A. Rienks.

## Ĉeĥoslovaka Esperanto-Tago en Pardubice

Sportfama urbo Pardubice, aranĝos nunjare de 31/V - 30/IX la ŝtatan ekspozicion de korpkulturo kaj sporto.

La ekspozicion promesas per sia riĉa programo esti tre interesa. Sed eĉ la urbo pro sia antikveco kaj beleco estas vidindaĵo.

Ĝi estas interesa pro esperantistoj, ĉar tie vivis kaj verkis la esperanta poeto Dr- Schulhof.

Esperantista klubo en Pardubice invitas fremdlandajn samideanojn al la vizito de sia urbo kaj ekspozicio.

Ĉar Ceĥoslovaka Respubliko troviĝas survoje de Parizo (la ekspozicio kolonia) al Kraków (Universala Esp. Kongreso) taŭgas por partoprenantoj de kongreso viziti eĉ ekspozicion de korpkulturo kaj sporto en Pardubice.

Dum 27-28 de Junio 1931 okazas Ĉeĥoslovaka Esperanto-Tago en la ekspozicio. Vian partoprenon anoncu al Esperanto-Klubo, " D-ro Schulhof ". Pardubice.

Bonvolu partopreni kaj estu bonvenontaj!



L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE